# ESPERANTO

**Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio**

Fondinto : H. Hodler. †

Direktoro de UEA : Robert Kreuz.

**Redakcio : I, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svislando**


**ENHAVO :**

**Kongresa numero :**




**XXX-a Jaro N° 408-9**

**AŬGUSTO-SEPTEMBRO 1934**


## Unueco !

Gravaj ŝanĝoj okazis en UEA. La nova Komitato, elektita laŭ la novaj statutoj, funkciis la unuan fojon dum la kongreso de Stockholm. Pro malkonsento pri kelkaj gravaj punktoj S-ro Stettler rezignis la prezidantecon. Tiam la Komitato elektis S-ron Merchant kiel prezidanton, kaj min mem kiel vicprezidanton. Sed, ĉar S-ro Merchant pro personaj kaŭzoj ne povis akcepti, la Komitato faris al mi la grandan honoron elekti min kiel prezidanton ; samtempe ĝi elektis S-rojn Inĝ. Isbrücker kaj D-ron Vogt kiel vicprezidantojn.

Post ioma hezito mi akceptis.

Mi akceptis, unue ĉar la samtempa elekto de S-ro Isbrücker montras la sopiron al konkordo kiu ekzistas en niaj koroj ; sed precipe, ĉar la financa stato de UEA prezentas *tre gravan danĝeron* por nia movado kaj ĉar novaj metodoj estas *necesaj kaj urĝegaj*.

Depost tri jaroj la deficito de nia budĝeto atingas ĉiujare 15 ĝis 20.000 svisajn frankojn. La monrezervoj (Asocia Kapitalo), per kiuj ĝis nun oni ŝtopis la truojn, estas preskaŭ elĉerpitaj ; post kelkaj monatoj oni ne povos plu eĉ pagi la oficistojn de nia Centra Oficejo, oni devos « fermi la butikon », se oni ne trovos tujajn severajn rimedojn.

Ne plu temas pri tendencoj, pri sentimentalaj argumentoj por aŭ kontraŭ iu formo de organizo. Nia ĉaro kuras al abismo ; en spaco de kelkaj metroj ni devas ŝanĝi la direkton.

Por ekvilibri budĝeton oni konas nur du rimedojn : plialtigi enspezojn, malkreskigi elspezojn.

En la nuna momento oni ne povas pensi pri plialtigo de kotizoj. Oni povas nur krii « helpon ! », por ke la personoj sufiĉe monhavaj fariĝu almenaŭ subtenantoj, aŭ alportu monon en iu ajn maniero. Al ili ni nin turnas, petante tujan helpon. Jam dum la ferma kunsido de la Kongreso, respondante alvokon de S-ro Isbrücker, kelkaj dekoj da personoj enskribis sin kiel patronojn aŭ subtenantojn. Ni kore dankas al ili ; ankoraŭ multajn aliajn ni bezonas, « por ke UEA vivu ».

Sed ne sufiĉas krii « helpon ! ». Ni ja scias ke, por ke multaj Esperantistoj respondu nian alvokon, ili devas esti certaj, ke ĉiu franko estos utile uzata, ke oni faros neniun elspezon nenecesegan.

Tiun certecon alportas via nova Komitato. Kiam ĝi konis la precizajn ciferojn, ĝi ne lamentis, sed tuj laboris energie. Ĝi jam decidis diversajn ŝparojn. Eble nia revuo « Esperanto » enhavos malpli da paĝoj dum kelka tempo ; eble la frupagintoj ricevos malpli da premioj, ktp ; multaj riveretoj formas riveregon.

Plie ni antaŭvidas aliajn rimedojn, kiuj nepre ŝparigos gravajn sumojn ; sed ni ne estas pretaj por paroli pri ili.

Ĉiuj do fidu ! Ni havas neŝanceleblan volon restarigi normalan situacion, tio signifas unue budĝeton en memekvilibro, ne ŝanĝante la servojn faratajn de UEA ; ni atingos nian celon. Poste ni provos direkti UEA sur plej ageman kaj fruktodonan vojon, laŭ programo, kies resumon oni jam montris dum la kongreso. Sed tio estas la morgaŭa tasko. Hodiaŭ ni devas certigi nian vivon.

Ĉiuj fidu! Sed ĉiuj komprenu, ke en la nuna tempo devas silenti ĉiu interdiskuto — kaj pri kio oni diskutus kiam brulas la domo? Ni povos efike labori nur se ni sentos, ke viaj koroj kaj la niaj batas saman takton. Tiun unuecon, al kiu ni sopiras, kiun ni ĉiam provis atingi, tiun unuecon efektivigos la nuna terura minaco.

Ni esperu, ni fidu, ni laboru kun mano en mano; ni superos ĉiun danĝeron!

Vivu UEA!

L. Bastien,
*Prezidanto de UEA.*

---

# Komitato kaj Estraro de U.E.A.

## Komitato

1. *Membroj elektitaj de la Landaj Asocioj:*

*Aŭstrio:* Kort. Kons. Prof. D-ro Wollmann, Wien.
*Belgujo:* Henri Petiau, Komerca Direktoro, Gand.
*Brazilo:* D-ro Carlos Domingues, Advokato, Rio de Janeiro.
*Britujo:* C. C. Goldsmith Sekr. de B.E.A., London.
Bernard E. Long, Ŝtatoficisto, London.
*Ĉeĥoslovakio:* Prof. D-ro St. Kamaryt, Bratislava.
Prof. Inĝ. C. Scholze, Reichenberg/Liberec.
*Danujo:* K. Th. Hansen, Farmaciisto, Kõbenhavn.
*Francujo:* Intendanto-Generalo L. Bastien, Paris.
D-ro J. Couteaux, Dir. de Malsanulejoj, Paris.
René Dubois, Komerca Direktoro, Paris.
P. Petit, Ŝipkonstr. Redaktoro, Rosny-sous-Bois (Seine).
*Germanujo:* Fritz Rockmann, Instruisto, Magdeburg.
Inĝ. Kurt Walther, Tekn. Instruisto, Dresden.
*Hispanujo:* Leŭt.-Kolonelo J. Mangada-Rosenörn, Madrid.
*Italujo:* Prof. D-ro Inĝ. R. Orengo, Milano.
*Japanujo:* Sindo Seitaro, Komercisto, Osaka.
*Nederlando:* P. W. Baas, Instruisto, Amsterdam.
F-ino Benink, Instruistino, Almelo.
*Norvegujo:* Kapitano R. Bugge-Paulsen, Oslo.
*Rumanujo:* H. Fischer-Galatz, Industriisto, Bucuresti.
*Svedujo:* Einar Dahl, Instruisto, Uddevalla.
Rektoro Sam Jansson, Lidingő.
*Svislando:* Ed. Stettler, Juristo, Bern.
*Usono:* Prof. H. W. Hetzel, Philadelphia.

2. *Membroj elektitaj de la Delegitoj:*

Univ. Prof. D-ro Odo Bujwid, Kraków.
Prof. St. Minkov, Sofia.

3. *Membroj alelektitaj de la supraj Komitatanoj:*

(Kun la rezervo, ke tiuj membroj akceptos la funkcion.)

P. Blaise, Komercisto, Morden (Surrey).
Univ. Prof. Dro med., D-ro jur. Giorgio Canuto, Torino.
Andreo Cseh, Pastro, 's-Gravenhage.
J. R. G. Isbrücker, Inĝeniero, 's-Gravenhage.
E. Malmgren, Instruisto, Stockholm.
John Merchant, Ĉefdirektoro, Sheffield.
M. Rollet de l'Isle, Ĉefinĝ.-Hidrografo de la Franca Maristaro (Admiralo), Paris.
Registara Konsilisto H. Steiner, Wien.
D-ro A. Vogt, Bankdirektoro, Stuttgart.

La elektoj pri la alelektitaj komitatanoj kaj estraranoj estas nur provizoraj. Skriba voĉdono, en kiu partoprenas ĉiuj komitatanoj, okazos baldaŭ.

Estas elektitaj: *Prezidanto:* Int. Generalo L. Bastien, Paris.
*Vicprezidantoj:* J. R. G. Isbrücker, s'-Gravenhage,
D-ro A. Vogt, Stuttgart.

## Estraro

*Prezidanto:* Int. Generalo L. Bastien, Paris.
*Vicprezidanto:* J. R. G. Isbrücker, 's-Gravenhage.
*Membroj:* Prof. D-ro St. Kamaryt, Bratislava.
E. Malmgren, Stockholm.
Prof. D-ro Inĝ. R. Orengo, Milano.
Registara Konsilisto H. Steiner, Wien.
D-ro A. Vogt, Stuttgart.

---

# Universala Esperanto-Asocio

**Raporto de la Sekcio de Eksteraj Aferoj**

*Kiel kutime estas submetata al la Kongreso la jara raporto de UEA, kiu por la unua fojo estas UNU raportego de la du sekcioj — Interna kaj Ekstera — kune. Tiu ĉi riĉa dokumento tamen ne estas konata laŭ enhavo tiel kiel ĝi devus esti. Ĝin ja ricevas nur la kongresanoj, estraranoj kaj gvidantoj. Ni represas en sinsekvaj numeroj sciindajn partojn el tiu ĉi libro kaj komencas per la raporto de la Direktoro Robert Kreuz. — La venonta numero enhavos la daŭrigon.*

*(Redakcio)*

II

PROPAGANDO.

*Persujo.* — Nia fervora samideano kaj longjara komitatano de UEA, S-ro A. Darjuŝ-Nemseĉi, pro personaj kaŭzoj tute retiriĝis de nia movado. Dank' al lia iniciatemo kaj laboremo ni siatempe povis realigi vicon da ideoj por progresigi Esperanton en Persujo. La nombro de niaj adeptoj ja ne estas granda, sed nia lingvo enradikiĝis tiel, ke vigla propagando certe portus riĉan frukton eĉ dum la nuna kriza periodo. Nia asocio havas delegitojn en 5 urboj.

Ni intencas klopodi pri revigligo de la movado en proksima aŭtuno.

*Setlementoj.* — Tie estas kelkaj izolaj esperantistoj apogopunktoj por nia internacia agado. S-ro Jan Ĉaŭ Uŭ en Kuala Sungei Bahru daŭrigas sian penadon pri interligo de la izolaj esperantistoj.

*Siamo.* — Ankoraŭ ĉiam ni klopodas starigi rilatojn kun personoj, interesitaj pri Esperanto. Je granda distanco kaj pere de fremda lingvo tio estas tre malfacila entreprenado. Ni esperis, ke nia korespondanto, S-ro Marin, vojaĝanta antropologo en Oriento, povus helpi al ni okaze de persona vojaĝo. Ĝis nun tiu ĉi espero ne realiĝis. Ni ĉiukaze daŭrigas serĉi vojon por atingi la celon.

*Sirio.* — Fine ni ricevis respondon de nia antaŭe fervora kunlaboranto, S-ro Zeine nour-ud-dine-Zeine, kiu intertempe edziĝis. Ni atendas reviviĝon de la movado, precipe en Beirut.

*Sovet-Azio.* — Por praktikaj celoj kaj reciproka servado ni daŭrigis la rilatojn, kiujn ni havis kun la esperantistoj en ĉiuj aziaj ŝtatoj de la Unio.

*Turkujo.* — La ignoremo kaj inerto de niaj turkaj samideanoj bedaŭrinde daŭrigas. Pro tio ni povas nenion raporti pri ilia aktiveco. Neniu turka samideano sin turnis al ni. Kaj niaj korespondaĵoj restis sen respondo. Ni ne povos plu atendi pri ilia helpo. Ni devos mem trovi rimedojn por ŝanĝi la staton. Ni jam decidis nun aperigi la turkan ŝlosilon. Eble ĝia efiko havigos novajn helpantojn, dume malnovaj revigliĝos.

AMERIKO

(Sud- kaj Mez-Ameriko)

*Argentino.* — Pro la reorganizo de la Argentina Esperanto-Asocio nia rilataro fariĝis malpli firma. La nova estraro nun vigle klopodas restarigi la antaŭan tre intiman kontakton. La gazetara propagando trovis apartan atenton en tiu ĉi lando. AEA treege efike helpis al ni en la propagando pri la poŝtkartoj de Hungarujo. Precipe vigla nun estas la Esperanto-centro en Tucumán.

*Brazilo.* — Kun la Brazila Ligo Esperantista ni regule interŝanĝis ideojn pri efektivigo de diversaj projektoj. La movado staras senŝanĝe bone. Grava sukceso estis la enkonduko de Esperanto ĉe la brazila poŝto, per uzo sur la oficialaj poŝtkartoj. Ni raportas detale pri tio sub la koncerna rubriko. Kiam ni skribas ĉi tiujn liniojn, ni sciiĝas pri grandstila gazetara propagando en la lando, bonege sukcesinta. Ankaŭ nova entrepreno ĉe la poŝto promesas surprizon kaj sukceson.

*Ĉilo.* — En tiu ĉi lando nia malnova samideano Luis E. Sepúlveda-Cuadra, membro de la L. K., daŭrigis reprezenti niajn interesojn, bedaŭrinde ne sen malfacilaĵoj pro senokupiteco. Ŝajnas, ke Ĉilo estas aparte malmola tero por propagandi nian lingvon. Ni ne plu ricevis raporton pri la laboroj de la Esperantista Junularo de Ĉilo, kiu komencis esti kerno por vera movado.

*Honduraso.* — Niaj tieaj pioniroj, S-roj Jagoda (La Ceiba) kaj D-ro Pompilio Romero, daŭrigis sian laboron spite al ĉiuj kriz-influoj. Evidente nenia grava iniciato estis ebla. La ĉef-afero ja estas nuntempe almenaŭ konservi la intereson de niaj kunlaborantoj por certigi la necesajn rilatojn, kiujn ni bezonas por havi apogopunkton en la koncerna lando.

*Peruo.* — Esperantisto el Ekvadoro, S-ro J. Nuñez en Bambamarca, en plena izoliteco, propagandas Esperanton. Pri la samideanoj, formintaj la Esperanto-Asocio de Peruo antaŭ kelkaj jaroj, en la ĉefurbo Lima, ni aŭdis plu nenion.

*Urugvajo.* — La urugvajaj esperantistoj ankaŭ en la nuna agadjaro apenaŭ kontaktis kun ni. Fidele sekvis al nia laboro la du konsilantoj de la iama ICK., S-ro Prof. Enrique Legrand kaj S-ro Enrique Muñoz, ambaŭ en Montevideo. Ni atendas, ke post la unuecigo de la movado en UEA la aktivaj samideanoj en tiu ĉi lando ne preterlasos okazon por informi nin pri sia laboro kaj interkonsiliĝos kun ni pri ĝi.

Ni klopodis havi interrilatojn kun la samideanoj en ĉiuj latin-amerikaj ŝtatoj. Temas tie pri multa detal-laboro kaj unua preparado. La grundo en tiu vasta unulingva teritorio krom tio estas facile plugebla.

NORDAMERIKO

Ni ne ricevis raporton pri la agado de la Esperanto Asocio de Nord-Ameriko (EANA). Ni nur estas informi[illegible]j pri la grandaj malfacilaĵoj, kiujn la usona krizo kaŭza[illegible] al ĝi.

S-ro Joseph R. Scherer, iama patrono de l'ICK, kiu [illegible]ndvojaĝas en Usono de post 1 jaro, en siaj publikaj par[illegible]adoj ĉiufoje mencias Esperanton. Tiu ĉi nerekta propagando estas utila helpo por la ĝenerala preparo de l'publika o[illegible]nio,

malfacile influebla en tia granda lando, kie regas nur la angla lingvo.

Estas ĝojiga fakto, ke UEA havas delegitojn en rondcifere 100 urboj de Usono kaj Kanado.

### AŬSTRALIO KAJ OCEANIO

La tutmonda krizo, ankaŭ trafinta tien, ne malhelpis niajn samideanojn en la Aŭstralazia Esperantista Asocio, daŭrigi sian laboron laŭpove. Ni zorgis ne perdi la rilatojn kun la izolaj samideanoj en Oceanio. Pli gravaj kaj antaŭ ĉio pli urĝaj taskoj necesigis nian tutan atenton en Eŭropo.

Ni povas nur ripeti, kio en kelkaj antaŭaj raportoj jam estas dirita. Ni povas fari en transmaraj landoj nur preparan laboron. kelkaparte eĉ helpi efike. Sed mankas tempo kaj mono por agi grandstile. Por nia cetera laboro estas ekstreme grave, disponi pri tiuj rilatoj. Ili pruvas la universalecon de nia lingvo kaj estas la apogopunktoj de nia movado, kiujn ni bezonas.

Ĉi-tiun laboron ni daŭrigas regule, laŭ la cirkonstancoj, laŭ disponeblaj monrimedoj kaj fine laŭ la bezono sin montranta.

Le ĉefan laboron ni kompreneble faras en Eŭropo. Pri ĝi ne donas informojn sur la sekvantaj paĝoj, laŭ agadsferoj.

### EŬROPO

Efektive nia ĉefa laboro koncernas Eŭropon. Spite al ĉiuj malhelpoj, kiuj limigis nian povon, multa detal-laboro estis farita, pri kiu la sekvantaj ĉapitroj ebligas nuran orientadon.

*Blinduloj*

Ni donis nian helpon ĉiam, kiam tio estis ebla. Dum la Dudekkvina en Kolonjo reprezentanto de la Universala Asocio de Blindul-Organizaĵoj esprimis la dankon pro la subteno, kiun ni donis en tiu ĉi sfero.

*Dekretoj kaj Rezolucioj*

Ankoraŭ ĉiam ni devas ege klopodi, por ke ni ricevu la original-tekstojn kaj tradukojn de dekretoj aŭ rezolucioj por Esperanto. Tiom ofte jam ni klarigis la gravecon de kolekto de tia materialo. Sen ĝi ni povas doni neniajn precizajn indikojn. Informpetantoj, kiuj mem ne plenumas nian peton, poste miras, kiam ni devas deklari, ke ni tute ne havas iel kompletan materialon. Tial ni estas nun devigitaj pene serĉi la materialon el organoj, kiuj hazarde publikigas ian tekston.

*Ekspozicioj*

La Germana Ligo en Ĉeĥoslovakio interkonsiliĝis kun ni pri aranĝo de speciala ekspozicio. Ni faris rilatajn proponojn kaj sugestojn. Krom tio kelkaj lokaj kunlaborantoj petis informojn aŭ materialon, kiujn ni donis laŭpove.

*Eldon-projektoj*

Ni daŭrigis, ĝis nun sen sukceso, la esploron, kiamaniere ebligi araban vortaron dupartan, proponitan al ni el Kairo.

Ni antaŭvidas kombinon kun manuskripto de ŝlosilo en evea lingvo, por kreo de malgranda vortaro duparta en evea lingvo.

Ni peradis respondon pri ebleco fari ĥinan eldonon de la Komerca Vortaro de Kreuz-Mazzolini.

La firmo Hirt & Sohn, Esperanto-fako, Leipzig, sciigis nin pri la intenco daŭrigi la eldonon de la granda enciklopedia vortaro de D-ro Wüster. Konsiderante la gravecon de la verko, ni diskonigis la avizon por helpi al la firmo.

*Fabrik-markoj*

Ni registris kiel fabrik-markojn kun Esperanto-nomo en 1933-34 la jenajn : biskvitoj kaj keksoj « Esperanto » de la firmo Tvornica Biskvita i Keksa en Osijek (Jugoslavio) ; cigaro (granda kaj malgranda) kaj cigaredo « Esperanto » de la firmo P. Pedersen's Cigarfabrik en Horsens (Danlando) ; plie novan pesilon : « Jaraso Nova » de la firmo Jacob Ravené, Söhne, Berlin SW 19 ; « Puran » estas purigtinkturo de la firmo D-ro Wybert, kemiaj produktoj, en Baselo. Unuan fojon ni renkontis per tio la akuzativan formon de adjektiva var-nomo. La reklam-bildo montras ĉapelon « puran » post uzo de la tinkturo. « Teno » estas la nomo de tenilo por plilongigi eluzitajn krajonojn. Liveranto : J. G. Breveto-Paltenghi, Zuriĥo. La kreinto de la du lastaj var-nomoj estas reklam-fakulo en Baselo, iam lerninta Esperanton. Sed montriĝas utile, ke tiaj fakuloj interkonsiliĝu kun kompetentaj esperantistoj aŭ esperanto-organizaĵoj, por certigi lingve ne kritikeblajn vortformojn.

*Fervojo*

Ni esploris diversajn eblecojn agi en tiu ĉi kampo. Dum la kriza tempo kaj pro manko de rimedoj ni devis rezigni pri specialaj projektoj. Tamen ni esperas nun povi repreni la jam malnovan aferon de vagon-surskriboj en Esperanto en Jugoslavio, post kiam novaj rilatoj donas perspektivon.

Ĝojiga sukceso estas atingita de la Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista. Per dekreto N° 46884/33/III/3 de 19.10.1933 la asocio ricevis la permeson, pendigi sur ĉiu ĉeĥoslovaka fervoja stacio ladan tabulon, informantan pri adreso de UEA-delegito aŭ klubo. La kosto por la pendigo estas reduktita je ĉ. kr. 6.— po jaro. Ĉ.A.E. fabrikigis specialajn ladajn tabulojn kaj esperas, ke post nelonge ĉiuj 1.000 stacidomoj en Ĉeĥoslovakio estos provizitaj de informa ŝildo pri Esperanto. La nura mencio de l'vorto « Esperanto » je 1.000 diversaj lokoj estos konstanta kaj unika propagando por nia lingvo.

Ni renkontis dum vojaĝo en Aŭstrio deĵorantajn konduktorojn esperantistajn, kiuj portis la devigan distingilon por ĉiuj fervojistoj, farintaj la ŝtatan esperanto-ekzamenon. La konduktoroj flue kaj bone parolis Esperanton.

*Filmo*

Ĉi tie ni povas nur raporti, ke la skolta mondfilmo de la granda mondtendaro en Gödölö, farita de l' Hungara Film-Kontoro A. S. en Budapest i.a. enhavis mallongan esperanto-parton. Nia demando al la firmo per letero, en kiuj landoj kaj urboj ĝi estos montrata kaj ĉu eventuala kopio estos akirebla, restis sen respondo.

*Flugfolioj, Lernolibroj kaj Instruiloj*

Ni turnis nian atenton al la ebleco pri kreo de taŭgaj flugfolioj. Okaze de kurs-malfermo, la grupo de Port Said aperigis laŭcelan kolorpaperan flugfolion pri Esperanto ĝenerale kaj la koncerna kurso.

Pri la klopodo eldoni unuforman amas-propagandilon en diversaj naciaj lingvoj okupis sin la propaganda servo de UEA, pri kio detaloj estas troveblaj en la raporto de la Sekcio de Internaj Aferoj.

Ni studis la eblecojn krei instruilon en evea lingvo por faciligi la instruadon de nia lingvo al indiĝenoj en Togo (Afriko).

*Foiroj*

La uzo de Esperanto por reklam-celoj estas daŭrigata de la foiroj de Budapest, Lyon, Paris, Reichenberg kaj

Valencia. Ŝajnas, ke la foiro de Leipzig, pro ŝpar-mezuroj, provizore ĉesis la aperigon de esp. eldonaĵoj.

La foiro de Valencia (Hispanujo) en 1933 enhavis riĉan esperanto-standon, organizitan de la loka grupo, sub gvidado de S-ro Advokato Piñó.

En intima kontakto kun la Esperanto-Centro Itala ni daŭrigis nian klopodadon en la Unio de l'Internaciaj Foiroj en Milano. Por 1933 la kongreso de la Unio estis kunvokita al Hispanujo. La grupo de Valencia faris ĉiujn utilajn paŝojn por plifortigi nian situacion en la Unio. Dank' al la energia kaj modela klopodo de S-ro Advokato Andrés Piñó, delegito de UEA, la foira estraro de Valencia — jam uzante Esperanton por sia reklamo — promesis subteni novan iniciaton. Laŭ invito de la grupo de Valencia, S-ro Direktoro Rob. Kreuz venis al Valencia por defendi novan iniciaton en la foira unio. Li sukcesis, ke la demando pri Esperanto kiel lingvo-kodo estu denove pritraktata en la kunsido de l' 23 oktobro 1933 en Valencia. La ĝenerala sekretario de la Unio, S-ro Komandoro Majnoni, en sia jar-raporto faris sufiĉe longan aludon pri la laboroj jam faritaj en tiu ĉi kampo de la Unio. S-ro Kreuz, post mallonga parolado en franca lingvo, submetis al la kunsido rezolucion. Kvankam ĝenerale aplaŭdita, laŭ postulo de la delegito de la foiro de Utrerecht (Nederlando), S-ro Mulder, ĝi estis eksplicite submetita al voĉdono. La rezulto estis 19 : 4 voĉoj (Utrecht Tripolio, k.a.). La rezolucio do estis akceptita kun grandega plimulto. Ĝi estis subtenita de la foiro de Valencia, en kies nomo parolis S-ro Perpiña kaj tekstas :

*Pro* la konsideroj, kiuj donis la bazon por la decidoj de Bordo, Milano, Romo kaj Parizo, rilate Esperanton kiel lingvo-kodon por la praktika uzo de Esperanto en la foir-kampo.

*Pro* la neceseco progresigi la jam faritajn provojn, *la kunveno*

*Memorigas* pri la ĝenerala utileco de la elmetitaj ideoj

*Rekomendas* al la membroj de la Internacia Unio de l'Foiroj, daŭrigi la klopodojn por realigo de la faritaj decidoj,

*Rekomendas* al la foiroj, enkonduki en la elementojn de Esperanto kelkajn el siaj oficistoj,

kaj

*Petas* la Direkcian Komitaton fari ĉiujn utilajn paŝojn — akorde kun la speciala komisiono, formita por tio — por plena sukcesigo de la entrepreno.

La rezulto estis vigle aplaŭdita, ĉefe de ĉiuj franclingvaj reprezentantoj. Ĉi tiuj, memorante pri pli frua iniciato de S-ro André Baudet, eksprezidanto de la Komerca Ĉambro de Parizo, decidis sendi al ĉi tiu dank-telegramon en Esperanto kaj tuj kolektis subskribojn por tio. La kunsidon ĉeestis kiel reprezentanto de la forestanta urbestro S-ro Advokato Marzal, urba konsilanto kaj membro aktiva de la grupo de Valencia.

La efiko de ĉi tiu sukceso ekskluzive dependos de la estonta kunlaboro de la naciaj societoj ĉe la rilataj foiroj de sia lando.

Post daŭra agado ĉe la Unio de l'Internaciaj Foiroj en Milano, la Esperanto-Centro Itala sukcesis havi en la foiro de Milano en aprilo 1934 standon por ekspozicio de Esperanto-materialo. La stando estis signifa sukceso por la itala movado kaj trovis multan atenton.

La direkcio de la Specimen-Foiro de Rio de Janeiro (Brazilo), okazonta de l' 12.8-15.11.1934, dissendis grandkvante 12-paĝan fald-prospekton en Esperanto. La uzo de nia lingvo, flanke de tiu ĉi entrepreno, estas aparte notinda.

### *Gazetara propagando*

Pro la transiraj laboroj, ankaŭ pro financaj kaŭzoj, ni povis fari nur la plej necesan en tiu ĉi kampo. Estas konstatote, ke ankoraŭ ĉiam la graveco de taŭga gazetara propagando ne estas komprenata ĝenerale en niaj vicoj. Estas nepre necese adaptiĝi al la situacio, kiu postulas laŭcelan aranĝon.

Al ĉi tiu raporto estas aldonita la raporto de la prezidanto de l' Gazetara Komisiono, S-ro Georges Avril, Nico. Ni esperas, ke estonte oni donos al ĝi pli da atento kaj per tio kompensos la specialan klopodon, kiujn per fakulaj kono kaj sperto entreprenis S-ro Avril. Al li precipe kaj al liaj kunlaborantoj, ni devas esprimi sinceran dankon pro ĉiu penado farita.

### *Instruistaro kaj Lernejoj*

Ni koncentris nian tutan agadon je speciala manifestacio en Vieno de l'19-24 majo 1934, sub la devizo : Esperanto en la Lernejon kaj la Praktikon. Detalojn vidu sub : Kongresoj kaj Konferencoj.

### *Internaciaj Asocioj*

Kiel ĉiujare, ankaŭ nunjare estis invititaj ĉ. 400 internaciaj asocioj reprezentigi sin en la Kongreso de Stokholmo. Estas notinde, ke aro da societoj, kiuj en antaŭaj jaroj neniel konsideris nian inviton kaj malakceptis ĝin tute formale, subite montras pli viglan intereson. Tiu simptomo pruvas, ke konstanta varbado ne restas senfrukta, se ĝi estas farata konvenforme.

### *Kolektantoj*

Ni regule provizis nin per adres-materialo de kluboj de korespondo kaj kolektado por trovi rilatojn kun esperantistoj en ekster-eŭropaj landoj.

En majo 1934 S-ro Rob. Kreuz, direktoro de UEA, sekvis inviton de la Klubo Filatelia kaj de Aeropoŝto de Ĝenevo, farante franclingvan paroladon pri « Valora helpinstrumento de la Filatelio » kaj montrante per projekcio pli ol 200 bildkartojn kun maloftaj poŝtmarkoj el lia granda, unika kolekto de kartoj en Esperanto.

### *Komerco*

S-ro Le Brun, patrono de UEA, ankaŭ tiun ĉi jaron daŭrigis la publikigon de artikoloj en Esperanto (kun aŭ sen teksto kompara en franca lingvo) en la bulteno de la Komerca Ĉambro Franca en Londono.

Pro organizaj ŝanĝoj en la « Rotaria Esperantista Amikaro », nia rilataro kun tiu ĉi medio estis malpli firma.

### *Kongresoj kaj Konferencoj*

Helpante al iniciato de D-ro Ing. E. Wüster en Wieselburg (N. Ö.), ni klopodis trovi diverslandajn kunlaborantojn por eluzo de la sukceso atingita en la Internacia Kongreso de Elektro en 1932. Necesas konstati, ke ĉi tiu klopodo renkontis sufiĉajn malfacilaĵojn, precipe pro ne-respondo de diversaj personoj aŭ asocioj. Estas tre bedaŭrinde, ke tiamaniere ne nur perdiĝas tempo kaj mono vane, sed ke ankaŭ ekstreme serioza klopodo estas malhelpata senteble.

*(Daŭrigo sekvos)*

# XXVI-a Universala Kongreso de Esperanto
## Stokholmo sub Stelaj Standardoj

**(Kongresaj bildoj pentritaj de ne-oficialuloj.)**

ĜENERALA ASPEKTO.

Jen ni fine ĉe la celo de niaj sopiroj, Stokholmo, la krono de Nordo, kie impona ŝtonmaterio kunludas kun la blua akvo de Mälaren je majesta simfonio. Jam antaŭ la *Centralstationen* svedaj kaj esperantaj flagoj flirtas super niaj kapoj. Rigardante de distanco la ĉielbluajn flagojn kun orflavaj krucoj, la blua kaj flava koloroj kunfluas je unusola, esperanteverda...

Ni suriras tramon kaj klopodas alparoli la konduktoron per la provizeto da svedaj vortoj akiritaj dum la veturado de la suda landlimo ĝis la sveda ĉefurbo. Sed jen la tramisto alvokas nin en nia lingvo : bonvolu paroli esperante !

Nun ni estas ĉe *Riksdagshuset* (Parlamentejo), kiu vekiĝis el sia somerferia dormo. Antaŭ ĝia ŝtuparo multkolora vico de diversnaciaj flagoj, inter ĉiuj du fremdaj flagoj leviĝas niaj verdstelaj simboloj. Paca venteto mildigas la teruran varmon. Kie la legendaj glaci-ursoj, kie la frostiga klimato norda? Malĝuste informitaj sudlandanoj ĝoje re-enkofrigas la rezervan vintran surtuton, baldaŭ ni devas depreni la jakon, kelkaj eĉ la veŝton. Le LKK bonvolu peri nian dankegon al la ĉielaj potencoj pro la ideala kongresvetero de la unua ĝis la lasta tago.

EN LA AKCEPTEJO.

La kongresa kontoro estas instalita en la koridoroj de la parlamento. Svarmas la samideanoj, sed ĉiuj rapide ricevas siajn dokumentojn, ĉar la paperoj de l' dumil kongresanoj estas pocente grupigitaj kun facile rimarkeblaj cifer-indikoj. Jen ni vidas sinjoron *Julin,* la etkreskan, sed grandlaboran prezidanton de LKK, jen kasisto *Lindstedt* donas klarigojn al deko da samideanoj samtempe parolantaj al li, jen nia ŝatata verkisto, Stellan Engholm, lokigas gravan tabulon, kiu per frapaj literoj anoncas ion en nia kara lingvo. Ne mankas poŝtoficejo kun esperante parolantaj poŝtistoj, kiuj per oficiala esp. stampilo stampas ĉiujn kongresajn poŝtajojn. La kongresa banko kalkulas la plej malaltan svedan kurzon, kiam ni volas vendi nian valuton. En la vojaĝoficejo de la kongreso 4500-5000 kronojn atingas la taga trafiko. Laboro-laboro-laboro kaj ĉie ĝojaj ekkrioj pro revido de malnova amiko. Jus alvenis la nederlanda karavano sub la konduko de la rumana Ĉe-instruisto, Pragano, kaj la nederlandanoj dum kelkaj minutoj efektive sieĝas la koridoron ; la direktora masivo de Robert Kreuz komence staras meze de l'amaso kiel firma roko, kiun poste tamen ekŝanceliĝas la tien-reen puŝiĝantaj ondoj de l'samideanaro.

La kongresa sekretario, *Malmgren,* kun malvarmaj okulvitroj kaj diplomata rideto, aperas kvazaŭ moderna Merkurio kun flugilhavaj piedoj, jen sur la dekstra parto de l'koridoro, jen sur la maldekstra, jen supre, jen malsupre.

LA SOLENA MALFERMO.

La giganta Koncert-palaco nesatigeble malaperigas inter siaj kolon-dentegoj unu homan grupon post la alia. Je la sesa posttagmeze ĉiuj dumil sidlokoj estas okupitaj en la grandioza salonego. Sur la estrado ni vidas la guberniestron de Stokholmo, — kaj sampersone prezidanto de Sveda Trafika Asocio — *Nothin,* eksurbestron *Lindhagen,* sinjoron *Stettler,* diplomatiajn reprezentantojn kaj naciajn delegitojn esperantistajn. Riĉa, bongusta flagokadro sved-esperanta.

Pro foresto de la pasintjara prezidanto Behrendt, sinjorino *Gernsbacher* el Köln malfermas la kongreson per ĉarmaj vortoj. Unuanima aplaŭdo salutas la altkreskan honoran prezidanton de la kongreso, rektoron *Sam Jansson,* kaj la efektivan prezidanton *Julin.* La guberniestro komencas en esperanto kaj daŭrigas svede kun temperamenta interpreto de la « kongresa laŭtparolilo » *Einar Dahl.* Tondra aplaŭdo bonvenigas S-ron *Stettler,* kiu en sia parolado akcentas la neceson de persista laborado kaj esprimas la esperon, ke la 26-a konfirmos la unuecon de nia movado en la kadro de UEA.

Barono *Sommarruga,* la ministro de Aŭstrio, invitas oficiale al antaŭkongreso en Innsbruck dum 1935 kaj mondkongreso en Vieno dum 1936. Ministro Barbu *Constantinescu* en la kongreso de lingva egaleco ne volas uzi lingvon de alia nacio, sed parolas rumane kaj tradukigas siajn vortojn en esperanton de Tiberio Morariu. Speciale impresis la aŭdantaron la vortoj de la hispana kolonelo *Mangada-Rosenörn.* Kiel reprezentanto de la Hispana Militministerio, li varmege pledis por la mondpaco. Ĉiu nacia delegito devis diri kelkajn vortojn en sia lingvo kaj poste unu esperantan frazon. Sed la plimulto malatentis la regulon kaj la litanieca maniero frape kontrastis la mallonge trafan alparolon de oficialuloj. Kelkaj, pro la emocio, jen volis transpreni (t.e. ĉirkaŭpremi) la kongresanaron, jen salutis la kongreson — en la nomo de la kongreso (anstataŭ tiu de sia lando). La bonvola sveda radio tolereme disradiigis ĉiun verdaĵon.

Ĉiuj spir-retene aŭskultis la elokventajn vortojn de doktoro Privat, telefone transaŭdigitajn de el Ĝenevo. La perfekta akcepto en Stokholmo kaj klarega disaŭdigo igis ĉiujn vortojn bone kompreneblaj tiel pere de laŭtparolilo en la kongresejo, kiel en tuta Svedlando dank' al afableco de Sveda Radioservo.

Rektoro Sam Jansson dankis pro la fido de l' kongresanaro sekvinta la alvokon de LKK kaj alveninta tiom grandnombre pri kiom neniu antaŭa kongreso povis fieri en Stokholmo. Senfina aplaŭdo dankis fraŭlinon Lidja Zamenhof, la ŝatatan filinon de nia Majstro, kiu sur la flugiloj de l'facila Ĉe-metodo iras de loko al loko, akirante novajn adeptojn al la ideo de sia noblanima patro. Kortuŝa estis por ĉiuj ĉeestantoj la momento, kiam nia blankbarba pioniro, profesoro Bujwid, kisis la frunton de la fileto de D-ro Adam Zamenhof, pro belaj esperantaj vortoj. Viglige agordis la brustojn la Tagiĝo de Grabowsky, kaj ne multaj okulparoj restis sekaj, kiam eksonis la tradicia melodio de l'Zamenhofa « Espero » sur la lipoj de l'anoj el la plej diversaj nacioj.

*Pri la interkonatiĝa vespero en Granda Hotelo* mi intence ne volas raporti detale, kiel tio decas al bonedukita kaj diskreta raportisto. Multaj koroj antaŭ la kongreso nur per-inke inter-rilatintaj, povis nun ankaŭ buŝe (per ambaŭ lipoj) elprovi la praktikan (Pirat-ano dirus « pra-tiklan ») flankon de l'amlingvo Esperanto. Kiu pacience atendis horon kaj

duonon, ricevis eĉ verpermanĝon en « Grand-Hotellet ». La senpacienculoj kolektiĝis en la pli intima Operkelo kaj sukcesis ricevi manĝaĵon jam post 90 minutoj. Sed eble ne la manĝaĵo estis la plej grava. — Kruelaj fotografistoj de l'stokholmaj gazetoj « Dagens Nyheter » kaj « Stockholms-Tidningen » bildkaptis la popularan trubaduron de Bellmankantoj, S-ron Bohman, kantantan al la sveda samideanino Lizzie Morariu — edzinigita de rumana verdstelano — kaj al fraŭlino Eugenia Morariu — la rumana sekretario de UEA — kiu alvenis Svedujon, verŝajne por venĝi sian « perditan » fraton Tiberio per korkapto de svedo...

muzidirektoro, D-ro Hugo Alfven. Krom lia alta koncepto, ni miris ankaŭ la grandan trankvilon de l'certmana direktisto, kiu sen eĉ plej eta teatra gesto kondukis sian kantarmeon al glora venko super trideko da nacioj, kie ĉiu « malamiko » volonte levis sian manon je senrezerva kapitulacio. La sveda muzikgeneralo ricevis egan laŭrokronon kaj ĉiaman lokon en niaj koroj, kune kun la ĉarmaj Dalekarlianoj, frunte kun la solkantistino Hanser-Lina Gőransson, kiu ne povis rifuzi la ŝtormaplaŭdan postulon pri ripeto. La ĥorkantojn oni eternigis sur gramofondiskoj.



**Oficiala akcepto en la Urba Domo**

## EĤO EN STOKHOLMA GAZETARO.

Senrezervan laŭdon meritas LKK, dank' al kies klopodoj la plej gravaj gazetoj de la lando aperigis aron da favoraj raportoj pri la kongreso, plejparte kun bildoj sur la unua paĝo. « Dagens Nyheter » havis dum la tuta semajno lertege redaktitan paĝon en *Esperanto*, kie eĉ la anonćoj de l'diversaj firmoj estis en nia lingvo. « Stockholms-Tidningen » publikigis la pli interesajn telegramojn de eksterlando en esperanto — jen kial perdiĝis, kvazaŭ krio en dezerto, pikaj rimarkoj de iu Barkano (ĉu restaĵo el la tempo de onklo Noa ?), en la sama gazeto, kontraŭ esperanto, pledanta por la angla lingvo, el kiu laŭaserte « ĉiu ŝoforo kaj kelnero en la mondo scias la necesajn dudek vortojn por interkompreniĝi kun eksterlandanoj » kaj ke « fremduloj preferas dumvojaĝajn miskomprenojn kaj aventurojn, anstataŭ uzi la figolingvon ». Tiu ĉi kritiko samtempe estas memkritiko. Kaj la karavano marŝas ... En « Social-Demokraten » redaktoro Joĉjo praktike aperigis en esperanto eĉ la tagbultenojn de l'meteorologia instituto. Dankan gratulon !

## LA DIMANĈO

Komenciĝis per mesoj kaj esperantaj predikoj en la katolika (Bajetti, Italujo) kaj protestanta (Tőrnquist, Svedlando) preĝejoj. Estas menciinde, ke ĉi tiu estis la unua fojo, kiam esperanta diservo okazis en Stokholma preĝejo. Poste la kongresanoj per ses grandaj ŝipoj veturis, sub vigle flirtantaj verdstelaj flagoj, inter la Stokholmaj ŝeroj (arkipelago) al banurbo Saltsjőbaden. Kiu ne ricevis lokon surŝipe, konsolis sin per vagonaro. Speciale interesa estis vizito al la moderna Observatorio en la flagoriĉa marbanejo.

La tagon finis neniam forgesebla kantvespero de naci-vestaj Dalekarlianoj sub la majstra gvido de l' bonkonata sveda

## LA SOMERA UNIVERSITATO

estis malfermita lunde antaŭtagmeze de rektoro Sam Jansson, la kapo kaj animo de ĉi tiu aranĝo. La unua preleganto estis prof. Migliorini el Romo « Pri personaj nomoj », sekvata de prof. Collinson, Liverpool, pri « Nordeŭropaj lingvoj kaj esperanto », kaj prof. Langlet, Budapest, pri « Svedlandaj vidindaĵoj. » Dum la postaj tagoj paroladis eksurbestro Lindhagen pri Internacia lingvo, prof. Collinder pri Laponoj, R.. Nordenstreng pri Sveda popolo, V. Setälä pri fotarto, D-ro Beckman pri Dalekarlia revolucio, D-ro Szilagyi pri Madach, la verkinto de « Tragedio de l' homo », S-roj S. O. Jansson kaj O. Bannbers pri Svedaj Kamparanoj. Vigligis la prelegojn akompanaj lumbildoj kaj taŭga aranĝo nova : la diversajn prelegantojn enkondukis konataj esperantistaj fakuloj, kiuj ankaŭ dankis ĉe fino al la prelegintoj. (Dank' al la anstataŭantoj povis la estro de l'Universitato, rektoro Jansson, ĉeesti ankaŭ aliajn samtempajn aranĝojn de la kongreso. )

## ĈE LA OFICIALA AKCEPTO

lunde en la urbdomo Esperanto ricevis rekonajn vortojn de Tengdahl, la prezidanto de la urba konsilantaro de Stokholmo, kaj la esperantistoj plej intime konatiĝis kun la sveda buterpanara tablo, akirinte kelkajn efektivajn kilogramojn da agrabla impreso pri la konatiĝo.

## TEATRO EN ESPERANTO.

La lunda kaj merkreda vesperoj estis dediĉitaj al diino Thalia. Junaj artistoj sub gvido de juna reĝisoro Malmquist prezentis al ni malnovan, sed eĉ nun arde aktualan amludon de Strindberg kaj burleskaĵon geedziĝan de Molière.




Kongres-afiŝo



La ĉefguberniestro Nothin parolas en Koncerta domo.

La prezentado de l' profesiaj aktoroj lernintaj esperanton speciale por ĉi tiu okazo, superis niajn atendojn. Laŭ la gazetkritiko pruviĝis brile, ke nia lingvo estas ne nur kongreslingvo, sed ankaŭ taŭgega por konversacio, amo kaj malamo (pri kio ni, esp-istoj, konvinkiĝis jam antaŭ jardekoj). La unua « Ludo per fajro » povus nomiĝi ankaŭ « Ludo per proverboj ». Tamen tipa Strindberga ludo, ne nur vorta, sed profunda, kie la sentoj danĝer-dancas sur la randoj de l' eternebola amvulkano. Senriproĉa ludo tiom ĉe l'unua seriozaĵo, kiom ĉe la posta humoraĵo. Notinda estas la bonega elparolo ĉe plimulto, de la ludintoj.

LITERATURA VESPERO.

Laŭ la Stokholmaj gazetoj unu el la plej altnivelaj aranĝoj de la kongreso estis la literatura vespero (ĵaŭde), kie amatoraj esperantistoj sukcese vetludis kun profesiaj artistoj, muzikistoj kun deklamantoj. La muzika duopo de Källberg-Norre, deklamo de F-ino Eva Nennerth, karikaturoj lerte prezentitaj de E. Dahl kaj bonhumoraĵoj « ŝvarcaj » kaj de T. Morariu estis tre varme akceptitaj.

UNUA ESPERANTA PAROL-FILMO.

Vendrede ni povis vidi la Esperantan parol-filmon, dank' al nia senlaca amiko *Forge*. La ne mallongan prologon de « Nia Gazeto » la publiko trifoje interrompis per ĝentile avertaj aplaŭdoj. Post malnova, historia filmeto pri nia Majstro (ĉu el 1912 ?) kaj aktuala semajn-jurnaleto de Sveda Filmindustrio pri la kongresaj flagoj kaj steloj en estona kaj rumana kostumoj, sekvis germana sonfilmo « Morgaŭ ni komencos la vivon ! » La aktoraj lipoj moviĝis laŭ la leĝoj de l'germana lingvo, sed el la parolmaŝino venis esperantaj sonoj de entreprenemaj Stokholmaj samideanoj. Ni volonte estus aŭdintaj iom pli melodiajn voĉojn kanti la malmultajn kantojn kaj entute oni ŝatus pli da (esperantaj) dialogoj. Tamen la komenco estas kuraĝe farita, fine esperanto komencis la filmvivon hodiaŭ. La morgaŭo kaŝas senfinan ekspluateblon. Nia karmemora Prof. *Cart* ĉiam akcentis : ni fosu nian sulkon ; ni aldonu kun bravega Forge : ni forĝu nian filmon !

KUNVENOJ DE U E A

Post la unuecigo de la organizo la ĝisnunaj laborkunsidoj estas anstataŭataj de unu sola kunveno de UEA kaj de publika kunsido de la Konsilantaro de la Esperanta Movado.

Specialaj cirkonstancoj devigis en Stockholmo al organizo de du kunsidoj de nia internacia organizaĵo. La unua okazis mardon matene. Malfermis ĝin S-ro Stettler, honora kaj efektiva prezidanto de UEA. Sekvis salutparoloj de diversaj esp. organizaĵoj, komuniko de la deziresprimo de la Esperantista Akademio al la estraro de la movado kaj lego de saluttelegramoj. Samtempe S-ro Stettler legis la nomojn de 7 anoj de UEA, kiuj estas elektitaj Honoraj Membroj de la Asocio. Ovacio estas farita al S-ino Hodler, la ĉeestinta vidvino de la kunfondinto de UEA Hector Hodler, al kiu samokaze estis transdonita bela florbukedo. La ĉeestintoj per leviĝo honorigis lian memoron. La du direktoroj de UEA sinsekve faris siajn komentarojn al la publikigitaj raportoj, kiujn ricevis ĉiuj kongresanoj. La dua parto de la kunsido havis sufiĉe dramecan aspekton. Oni sentis jam antaŭe, ke ia fulmotondro malŝarĝiĝos, sed neniu atendis ĝin en tiu ĉi kunveno. S-ro Stettler faris kelkajn rimarkojn pri la elektoj, kiuj okazis la antaŭan tagon en la Komitato de UEA kaj kiuj rezultis ne-reelekton de S-roj Karsch, Ĉe kaj D-ro Privat. Pro solidareco al ili, li deklaris eksiĝi kiel prezidanto de UEA. Ankaŭ S-ro direktoro Jakob demetis sian funkcion. Ekregis ĝenerala konsterniĝo en la salono, ĉar s-ro Stettler post la deklaro forlasis la prezidantan seĝon. Post interveno de S-ro Isbrücker li reprenis sian lokon. La kunsido tamen ne ŝajnis atingi interkonsenton. Post viglega diskuto, dank'al la rezona alvoko de rektoro Jansson, estis decidite, kunveni en dua kunsido je la posta mateno. Dume en la internaj kunsidoj daŭradis la klopodoj forigi la malfacilaĵojn.

Merkredon matene ne estis sufiĉe da sidlokoj en la granda salono de la parlamento por la kongresanaro, alkurinta post disvastiĝo de tiom da ĝustaj, kiom malĝustaj informoj.

Post antaŭrimarkoj de s-ro Kreuz, direktoro de la eksteraj aferoj de UEA, S-ro Intendanto-Generalo Bastien kiel vicprezidanto de UEA donis klarigojn pri la okazintaĵoj, pri la novaj statutoj ktp. Li informis, ke 14 komitatanoj voĉdonis laŭ sia plej bona konscienco kaj ke la elekt-rezulto estas bonorda. S-ro Stettler spite al invito resti prezidanto rifuzis konservi la oficon. S-ro Goldsmith detale klarigis la penadon de la komitatanoj ordigi la malfacilaĵojn, bedaŭrante la vanan klopodon. S-ro Petit parolis pri la interna situacio, precipe pri la financoj, la konstantaj deficitoj kaj la rimedoj, prenotaj por meti nian organizon sur sanan bazon. D-ro Orengo donis pluajn klarigojn kaj starigis la programpunkton : ni kreu regulajn komercajn enspezojn por nia organizo.

S-ro Bastien informis pri la daŭrigo de la komitata laboro. S-ro Kreuz poste legis la liston de la novaj komitatanoj, indikante iliajn titolojn, rangon, profesion, k.c. Tiu ĉi detalo ne restis sen impreso al la publiko, sciiĝinta per tio, ke la nova komitato ne nur konsistas plej parte el malnovaj spertaj esperantistoj, sed ankaŭ el personoj, kiuj en sia privata vivo okupas distingan kaj respondecan pozicion. La prezidanto tiam donis la parolon por libera diskuto al ĉiuj, kiuj bonorde anoncis sin. Tre baldaŭ malkateniĝis akra disputado, bruo, krioj, protestado, persona kverelo, kiu donis vere malĝojigan bildon pri samideanaj sentoj. F-ino Lydia Zamenhof devis alvoki por memoro

al nia Majstro Zamenhof, kiu kreis Esperanton kiel interkomprenilon. Post tiu alvoko, kiu efikis kiel morala duŝo al la plej fortaj kriantoj, kaj helpite de s-ro Dahl la prezidanto, s-ro Bastien, povis restarigi la ordon por daŭrigi laŭ sia lerta, trankviliga maniero de prezidado. Laŭ tute demokratia regulo li donis la parolon al s-ro Stettler, kiu deklaris : « Mi ne bone komprenas, pri kio mi donu klarigojn. Oni parolas ĉi tie pri malnova kaj nova spirito ; sed mi devas nomi ĝin spirito nacia kaj internacia. UEA estis fondita por akcepti individuajn esperantistojn sen diferenco de nacio, raso, religio. Ni kredis, ke ni povos labori en paco. Sed vere tio estas tre malfacila. Ĉar jam antaŭ la milito estis certa fluo por kombini la nacian kaj internacian spiriton. Ankaŭ Hector Hodler multe pripensis pri tio. Tiun spiritan heredajon de Hodler transprenis mi kaj Privat. Mi mem estis prezidanto de nacia societo kaj opinias la naciajn societojn necesaj. Post la milito ĉiam denove venis puŝoj por ŝanĝi la karakteron de UEA. UEA multe suferis pro tio. Oni parolas pri malamikoj de UEA ; sed tiuj personoj agis tute honeste laŭ sia konvinko. Sed ne temas nur pri la agoj kaj sekvoj. UEA estis ĉiam multe malutiligata per la ĉiamaj puŝoj. Tio estas fakto, kiun neniu povas kontesti.

Ankaŭ per novaj metodoj oni foje povas fari provon. Tial ni kunsidis en Kolonjo kaj kreis la Interkonsenton de Kolonjo. Mi mem verkis la novan statuton kaj estas responda pri ĝi. Sed eble ne temas pri la statuto, sed pri la spirito, en kiu ĝi estas aplikata. La listo de la komitatanoj, kiuj estas la naciaj reprezentantoj, estas laŭorde farita. Temas nur pri la alelekto.

Se mi akceptu en tiel malfacila tempo la pluan direktadon de la ŝipo, kaj se oni forprenas de mi miajn kunlaborantojn, mi ne povas fari tion. — Oni devas ankaŭ konsideri la malpacojn en la naciaj asocioj, kiuj multe ĝenas la administradon. Mi ne diras, ke la nova sistemo estas absolute malbona ; sed mi rajtas esprimi miajn dubojn. — La nova komitato havas bonajn intencojn. Sekve subtenu ĝin ! Ebleco de statutŝanĝo ekzistas. (Li klarigis tiun eblecon.)

Kio koncernas min, mi nature ne koleras kontraŭ la afero, nek kontraŭ la komitato. Cetere mi estas laca, kaj mi volonte transdonas la direktadon en aliajn manojn. La situacio malpermesis al mi resti en la estraro ; sed mi restos honora prezidanto de UEA, kaj mi restos komitatano por Svislando.»

S-ro Bastien esprimis la dankon al s-ro Stettler. Post kelkaj klarigoj de D-ro Couteaux kaj pacigaj vortoj de s-ro Bastien, s-ro Inĝ. Isbrücker alvokis je interkonsento kaj konkordo. Laŭ lia propono la tuta kunsido leviĝis por silentigi dum 1 minuto ĉiujn kontraŭecojn. Tiel la kunsido finiĝis en plena harmonio.

*La Konsilantaro.*

Merkredon posttagmeze okazis la publika kunveno de la Konsilantaro de la Esperanta Movado, sub la lerta gvidado de la aparte elektita prezidanto, S-ro Mag. Setälä, Helsinki. La partoprenantaro estis malgranda, kredeble pro la horar-ŝanĝo sekve de la eksterordinara UEA kunsido. Montriĝis krome ke la nova aranĝo unue devas fariĝi konata kaj ke daŭras certan tempon, ĝis oni kutimiĝas pri ĝi. Mi tamen opinias, ke ĝuste la kunsido de la konsilantaro havas apartan gravecon pro la publika pritrakto de niaj urĝaj propagando-problemoj, pro la raportoj de la faksocietoj kaj pro proponoj, rezolucioj kaj deziresprimoj, submetataj de ĝi al la estraro de la internacia organizo ; same rilate la iniciatojn de la estraro ĉe la fak-societoj.

Precipe la fak-societoj devas intersiĝi pri kontinua kontakto en la konsilantaro. Ne estas dubo pri tio, ke ni pli kaj pli devas eniri la fakkampojn. Post kiam la ĝenerala esperanto-propogando montris relativan efikon, ni devas plifortigi la praktikan aplikadon de nia lingvo, ĉar ĉefe de tiu aplikado dependas nia plua progreso.

DUM LA VENDREDA KONGRESBALO

la organizaj ondoj glatiĝis en la majestaj ĉambregoj de la modernvenecia Stokholma urbodomo. Estis kvazaŭ la rakontoj de « Mil kaj unu noktoj » iĝus realo. La mirinda Blua Halo kun — ruĝaj muregoj, la pompa Ora Salono, la ŝtonŝtuparo sur kiu aperis jen rokoko-filigrano, jen Evo kun t.n. serpent-poma danco (plej hejmeca por parizanoj) kaj la dance onda maro de l'gesamideanoj. Sed ne multis la nacikostumoj en la Stokholma kostumbalo, despli da atento altiris al si unika skota jupo. Ne mankis fidela kongresano surmetinta 27 (!) insignojn dum la 26-a kongresbalo kaj ne la fanatikaj aŭtogramkolektantoj, kiuj atakis vin ĝuste kiam vi ekglutis vian limonadon aŭ ekmanĝis glaciaĵon. La estro de la verda semajnulo dum la tuta vespero estis jungita al la dancĉaro de sia kongresa steleto. Alia gazetisto malnova, verda Donjuano, nun vivanta en Francujo, brilis kvazaŭ paŝao el malnova Turkujo.

Ne mankis okazoj por manĝo kaj trinko en tiu ĉi gastama ĉefurbo, jen ĉe bankedo de kongresa prezidanto, jen ĉe tagmanĝo de ĵurnalista klubo tostadis niaj oratoroj.

*La Ferma Kunsido*

Ĝi estis prezidita de S-ro notario Teodor Julin-Stokholmo. Ĝi metis trankviligan finpunkton al la internaj ŝanĝoj en nia internacia organizo, kiuj tute erare estis nomitaj « palaca revolucio ». Kiam oni agas laŭ konstitucio, kiam deputitoj, bonorde elektitaj, plenumas sian mandaton laŭ demokratiaj reguloj — ĉiam manifestitaj kiel bazo de organismo — tio estas absolute laŭleĝa stato. La unua parolanto S-ro Prof. D-ro Inĝ. Orengo donis klarigojn pri la faritaj elektoj. S-ro Merchant laŭ telegrafa respondo pro pure personaj motivoj ne povis akcepti la prezidantecon de UEA. La komitato unuanime elektis S-ron Int. Generalo Bastien kiel prezidanton. Kiel vic-prezidanto estas elektita S-ro Inĝ. Isbrücker. La nova komitato konsideros kiel sian ĉefan taskon absolute forigi la disputojn kaj malharmonion. La komitato transprenis tute ne favoran situacion kaj nun per konkorda kunlaboro oni povos savi UEA-n de la pereo.

S-ro Bastien sciigis, ke li akceptis la prezidantecon nur, ĉar s-ro Isbrücker akceptis esti vicprezidanto. Per la atingita unueco ni montras ke ne plu devos ekzisti partioj inter la esperantistaro. Li dankis pro la fido kaj direktis vortojn de rekono al s-ro Stettler pro lia multjara agado. Oni riproĉis al ni, ke ni volas detrui la supernaciecon de UEA, diris s-ro Bastien, kaj anstataŭas ĝin per nacia spirito. La diferenco tamen estas, ke la nova spirito ŝarĝas la tutan komitaton de UEA pri la respondeco, dume laŭ la malnova spirito nur kelkaj homoj sola devis ĝin porti. La supernacieco ne plu estas garantiata nur de unu sola homo, sed de la tuta komitato. S-ro Bastien alvokis al amika kunagado de ĉiuj. S-ro Inĝ. Isbrücker memorigis la laboradon de sia antaŭulo S-ro Karsch, kaj dankante pro la fido, admonis al paca kaj konkorda kunlaboro por la bono de la afero kaj de UEA.

Reprenis la parolon S-ro Bastien, donante kelkajn gravajn, neagrablajn, sed necesajn klarigojn. Post la vero — la espero ! La decidoj de la komitato, li diris, ŝajnos eble radikalaj. Ni estas devigitaj agi



**Sam Jansson, filo de la kongresprezidanto, ĉe la katedro — Svedaj dancoj**

tiel. La buĝeto de UEA por 1933 montras deficiton de sv. frk. 20.000. En 1934 oni atingos denove sv. frk. 15.000.—. Por 1935 oni antaŭvidas pluajn sv. frk. 20.000. Tio ne povas daŭrigi eterne. La kapitalo de la asocio (donaco Hodler k.c.) hodiaŭ estas nominale nur 30.000 sv. frk., fakte ĝi valoras nur 15.000.—; duono ne estas likvidebla nun. Nia tuta havajo do estas nur 7.000-8.000 sv. frk. Restas nur la garantia kapitalo de rdc. 30.000 sv. frk. netuŝebla laŭ la regularo, krom por dissolvo kaj likvido de la asocio. Ŝparegoj devas esti farataj de nun. Novaj enspezoj devas esti havigataj. La komitato jam trovis eblecon ŝpari 8.000 sv. frk. Ili koncernos la gazeton, la oficejon ktp. Ankoraŭ ne estas eble ion promesi, ĉar mankas ankoraŭ plena orientado. Konsterna silento regis la tutan kunsidon, eksterordinare multnombre vizititan. Multaj eble konsciis en tiu ĉi momento, ke, spite al ĉiuj malfacilajoj, ili estus eventuale povintaj fari pli en la pasinto por nia tuta organizo. Generalo Bastien finis per la alvoko : Al la nova komitato vi povas fidi, ke ĝi energie laboros por ordigo de la situacio de nia asocio. Ni fidos, ni laboros, ni venkos !

Ĉu surprizigos, ke ĉi tiu certigo sekvigis unue heziteman, sed iom post iom spontanee kreskantan aplaŭdon de la tuta ĉeestantaro ? S-ro Julin poste vokis la raportintojn pri la fakkunvenoj : Bahai (F-ino Root), Radio (S-ro Oliver), Kristana Ligo (S-ro Hübner), Gejunularo (S-ro Petit), Ilepto (D-ro Spielmann), Unio de Esp. Virinoj (S-ino Borel), Esp. Institutoj (Rektoro Jansson), Veget. Ligo (S-ro Pamporov), Abstinentuloj (S-ro Eriksson), Tage, Rotario, Marista Ligo k.c.

Pro tio, ke ne ĉiuj raportoj elmontris faktojn S-ro Julin tre trafe opiniis, ke estas esperinde, ke iom post iom ankaŭ tio pliboniĝu. Skribaj raportoj estu sendataj al la Centra Oficejo de UEA. S-ro Kreitz raportis en vere konciza maniero pri la 13a Int. Blindul-Kongreso Esp., dankante samtempe pro ĉiu donita helpo al la blinduloj (Vigla aplaŭdo). Post rimarkoj de S-roj Nylén kaj Steiner S-ro Isbrücker tre lerte instigis la kongresanaron manifesti sian fidelecon al UEA per aliĝo kiel membro-subtenanto. Dank'al tio kvardeko da samideanoj estis varbitaj tuj. La ĝenerala sekretario nur povis noti la kongres-numerojn por posta skriba konfirmo. Ankaŭ 3 patronoj estis revarbitaj.

Generalo Bastien esprimis dankon al la ĉeestantaro pro tiu ĉi utila helpo. Poste li direktis koregajn dank' parolojn al la organizintoj de la Kongreso, S-ro Rektoro Jansson, s-ro Julin, s-ro Malmgren (la konstanta mastro de la tuta kongres-maŝino) al s-ro Lindstedt, la severa kasisto, al s-ro Kreuz, « la larĝa ŝtono, sur kiu fundamentas niaj kongresoj — oni eĉ ne povas kongresi sen li », kaj fine al ĉiuj ceteraj helpantoj, ne-citeblaj unuope, al la tuta sveda kaj internacia esperanstitaro. La finfrazo « Ni salutu la nekonatan esperantiston » kaŭzis leviĝon kaj aplaŭdegon de la tuta kongresanaro.

S-ro Malmgren laŭ konata, trankvila sveda maniero, sed evidente emociigita, respondis per koraj vortoj kaj memorigis la nomojn de ĉiuj svedaj kunhelpantoj. Finis la kongreso, sed nia fakta laboro nun komencas en la lando. Se ni ĉiuj kunlaboros, ni venkos.

S-ro Delor (Alĝerio) kaj s-ro Harabaĝiu (Rumanujo) transdonis ankoraŭ kelkajn salutojn. D-ro Orengo instigis al multnombra vizito de la proksima Universala Kongreso en Romo.

S-ro notario Julin per mallonga, sed kora alparolo fermis la kongreson. Jam eksonas la himno « La Espero » kaj poste malpleniĝas la salono.

*Epilogo.*

La disirantaj kongresanoj hezite haltas dum momento sur la kongresa ŝtuparo, poste ili disflugas kiel pac-kolomboj en ĉiujn kvar direktojn. Por reiri al la griza laboro kun la porjara korprovizo de Stockholmo, por saluti la esperante bonvenigantajn edzinojn kaj infanojn hejme. Malaperas la ruĝaj svedaj dometoj meze de altaj, pinoj kaj blankaj betuloj. Estas for la svedaj hejmoj kun florvazo kaj kafokruĉo sur la tablo. — La verdstelaj flagoj malaperas el Stockholmo por reaperi venontjare en Romo.

Io-Iu kaj ROKO.

---

## PROTOKOLO DE LA KUNSIDO DE LA ESPERANTA AKADEMIO KAJ L. K.

(Lunde 6 aŭg., Parlamentejo, salono 21.)

S-ro Nylén anoncas, ke la prezidanto S-ro Rollet de l'Isle bedaŭras ne povi ĉeesti.

S-ro Nylén estas unuvoĉe elektata Prezidanto de la kunveno, prof. Migliorini Sekretario. Ĉeestas inĝ. Isbrucker, gen. Bastien, s-ino Dresen, s-ino Szapiro, s-ro Lundgren, d-ro Szilagyi, mag. Setälä, s-ro Rousseau, s-ro Couteau, mag. Bonnevie.

S-ro Nylén rimarkigas, ke ĉar ne ekzistas skriba regularo de la Akademio, oni agu laŭcirkonstance.

S-ro Nylén legas la deziresprimojn de la Prezidanto (Of. Raportaro, p. 106). Pri la subvencio, la Sveda Federacio aliĝante al la Kolonja Interkonsento, postulis, ke la nova UEA donu subvencion almenaŭ egalan al la ĝisnuna.

Gen. Bastien rimarkigas, pri la dua punkto, ke la Prezidanto de la Akademio ne ricevas la Esp. gazetojn ; kaj tio estas nenormala.

Mag. Setälä kredas, ke ĉiuj Akademianoj devus larĝe ricevi la gazetojn kaj revuojn.

S-ro Lundgren diras, ke oni devus ricevi ankaŭ la gravajn librojn.

Prof. Migliorini diras, ke oni ne devas tro vastigi tiujn postulojn. Li kredas, ke oni povus starigi ĉe la Prezidanto oficialan bibliotekon de Lingva Komitato kaj Akademio. Tiu propono estas aprobata.

S-ro Nylén pri la financo atentigas, ke nun la Prezidanto havas rektajn rilatojn kun s-ro Kreuz (dir. de eksteraj aferoj de U.E.A.)

Pri la laboroj de la komuna vortaro, gen. Bastien deklaras, ke li bezonas helpon.

Prof. Migliorini insistas pri la neceseco eldoni listojn de vortoj oficialaj aprobitaj nur malofte, t.e. ne ĉiujare sed ekzemple ĉiukvinjare. Gen. Bastien konsentas kaj projektas eldoni listojn ne tro ofte, kaj nur kiam ili estos sufiĉe ampleksaj.

Oni decidas aprobi ĉiujn deziresprimojn de la prezidanto (Of. Raportaro p. 106), precipe insistante pri la dua punkto.

Pri la laboroj de la teknika vortaro, pri kiu gen. Bastien sin okupas nur provizore, li atentigas, ke en la publiko malordo daŭre regas. Multaj sin okupas pri similaj aferoj, sen kono de la aliaj.

Prof-ro Migliorini atentigas pri la ekzisto de « *Lingva Kritiko* ».

Gen. Bastien informas, ke ĉiutrimonate li publikigis en Internacia Scienca Asocio bultenon pri la komunikitaj laboroj. « *Lingva Kritiko* » povus ĝin represi. Pri vortaroj jam faritaj, oni povus doni listojn.

S-ro Lundgren montras la gravecon de la biologiaj vortaroj. S-ro Nylén rimarkas, ke li ankaŭ havis malfaciliaĵojn, tradukante la verkon de Andrée.

Gen. Bastien insistas pri la diferencoj inter la komuna kaj la sennombraj teknikaj vortaroj : la direktoro de komuna vortaro povas esti nur peranto ; ĉar la vortaroj estas tro malsamaj.

La Prezidanto proponas, ke s-ro Lundgren kontrolu la vortaron de Verax, kaj li akceptas por la nordeŭropaj bestoj kaj kreskaĵoj. S-ro Rousseau insistas pri la diferenco inter la oftaj kaj maloftaj bestoj kaj plantoj. Aliaj rimarkoj de s-ro Lundgren, f-ino Dresen, prof-ro Migliorini pri bestnomoj.

Pri sekcio de kontrolo nenio rimarkinda.

La Prezidanto atentigas, ke la Akademio devas havi monon ; ke tiel nur ĝi povos labori, UEA devas helpi. La raporto estas aprobata.

---

**Esperantista Lingva Komitato Akademio**

SEKR. R. DE LAJARTE
4, Villa d'Orléans
*Fontenay-sous-Bois*
Seine (Francujo)

**Oficialaj sciigoj de la Akademio**
(N-ro 4 — Junio 1934)

## Kvina Oficiala Aldono al Universala Vortaro

**(Radikoj akceptitaj de la Lingva Komitato)**

### 1-e — Oficialaj Vortradikoj aldonitaj al Universala Vortaro[1]

**Bulteno** *Perioda informilo de societo* / bulletin / bulletin / periodischer schriftlicher Bericht / boletin (periódico) / bollettino / buletyn.

**Fono** *Efektive ebena aŭ, pro malproksimeco, ŝajne ebena parto, el kiu io elreliefiĝas aŭ elkontrastas* / background / fond (de tableau, etc.) / Hintergrund / fondo (de un cuadro, etc.) / fondo (su cui si stacca qc.) / tło.

**Kabineto** 1-e *Ĉambro destinita al intelekta laboro* / cabinet / cabinet (de travail) / Arbeitszimmer / gabinete (de estudios) / gabinetto (studio) / gabinet.
2-e *Speciala ĉambro, kie oni ekspozicias sciencajn aŭ artajn kolektojn* / cabinet / cabinet (de collections) / Sammlungszimmer / gabinete (colección de objetos curiosos) / gabinetto (stanza d'esposizione) / gabinet.
3-e *Ministraro* / cabinet / cabinet (ensemble des ministres) / Regierung / gabinete (ministerio) / gabinetto (consiglio dei ministri) / gabinet.

**Plagiato** *Nelojala faro de tiu, kiu prezentas sub sia propra nomo verkon aŭ parton de verko, kies aŭtoro li ne estas* / plagiarism / plagiat / geistiger Diebstahl / plagio / plagio / plagjat.

**Slipo** *Kartona aŭ papera folieto, facile ordigebla, sur kiun oni skribas iun noton* / slip, card (for index) / fiche (de classement) / (Kartei-) Zettel / ficha (cédula de cartulina o papel) / scheda / kartka.

### 2-e — Teknikaj Vortradikoj enkondukitaj en la Komunan Vortaron[1]

**Aviado** *(Aera navigacio). Arto aeveturadi per aparatoj pli pezaj ol aero* / aviation / aviation / Fliegererei, Flugwesen / aviación / aviazione / awjacja.

**Bremso** *(Mekaniko). Mekanika aŭ elektra aparato por malakceli, haltigi aŭ reguligi movon aŭ funkciadon de maŝino* / brake / frein / — Bremse / freno (de una máquina) / freno / bremzo.

**Pilo** *(fiziko) Fonto de elektra energio, uzanta la transformiĝon de kemia energio* / (electric) pile / pile (électrique) / galvanische Säule / pila (eléctrica) / pila elettrica / bateria galwaniczna.

*La Direktoro de la Sekcio « Komuna Vortaro »:* L. BASTIEN

*La Prezidanto:* M. ROLLET DE L'ISLE

[1] Kun angla, franca, germana, hispana, itala kaj pola tradukoj.

# Saluton al la 26-a kongreso!

**Parolado de D-ro Edm. Privat per Radio okaze de la malfermo, 4 Aŭgusto 1934**

Karaj Kongresanoj. Kun vi per la sento kaj momente ankaŭ per la voĉo mi plej kore salutas vin ĉiujn el Ĝenevo, la sidejo de l'Universala Esperanto-Asocio.

Samtempe mi salutas tiun neforgeseblan Svedujon, kiu vin gastigas hodiaŭ, kaj la reĝinon de la nordaj urboj: Stokholmon la belegan.

Nenie pli taŭge vi povus ja kunveni ol en tiu mirinda ĉefurbo de libera popolo, kiu fiere klopodas plialtigi kaj pli profundigi sian spiritan edukon, dum ĝi progresigas la materian teknikon. Ĝuste tiuj atingas la plej altan gradon de civilizo, kiuj scias konservi tian ekvilibron kaj ne permesi, ke la homaj eltrovaĵoj formanĝu la homon mem, sed male, ke ili submetiĝu kaj nur servu al lia feliĉo.

Kiu konas ne nur la svedan industrion en la grandaj fabrikoj, sed ankaŭ la svedajn hejmojn kun la bluokulaj patrinoj, teksantaj la doman ŝtofon apud la blonda bubo en lulilo, tiu sentas ke ilia nacio ja ŝatas la komforton de moderna civilizo kaj la oportunaĵojn de materia tekniko, sed ke ĝi ne vendus pro tio sian animon kaj scius ankaŭ sen tio savi kaj daŭrigi sian intiman feliĉon.

Facile estas vidi kiom la Svedoj respektas la homan dignecon sub ĉiuj laborvestoj kaj kiel ili konstante klopodas plibonigi sian ekonomian organizon por faciligi la vivon al ĉiuj familioj, ne nur per la kooperativa fruktokorbo de la dommastrino, sed ankaŭ per la instruaj volumoj de la popola librejo kaj per la kajeroj de la vesperkursoj.

Inter la fremdaj lingvoj instruataj en tiuj kursoj, Esperanto jam de kelkaj jaroj atingis tre gravan lokon, eĉ ofte la unuan pro ĝia rilate granda facileco kaj reguleco. Per ĝi multaj Svedoj lernis ekkoni iom de niaj diversaj kulturoj kaj rapide komprenis ĝuste tion, kio karakterizas la rolon de internacia helpa lingvo.

La grandaj nacilingvoj allogas la eksterulojn pro neceso profesia aŭ pro la deziro ekkoni tiujn potencajn kulturojn kiujn ili reprezentas. Sed kiel ekscii ankaŭ ion pri tiaj multaj nacioj, kies lingvo ne estas eksterlande tiom konata kaj lernata? Oni kutimas ilin nomi malgrandaj, sed iuj el ili estas tre grandaj, ekzemple la ĉina aŭ pola, kaj ili kune formas la plimulton de la homaro.

Svedujo estas ekzemplo de tre alta kulturo, kiun la homaro ne povus ignori sen grava perdo valora por la komuna tuto. Necesa kordo por la kanto de la harpo! Nu, Esperanto ĝis nun tute nature kaj ĉiam pli videble servas kiel perilo kaj konigilo de tiaj kulturoj kaj trovis en ĉiuj tiaj nacioj kreskantan nombron de adeptoj. La plej talentaj el ili tradukis en la helpan lingvon la plej belajn verkojn de sia hejma literaturo. Floras ĉe la esperantistaro antologioj kataluna, estona, flandra, bulgara, pola, hungara, belga, kroata kaj boneg-aj tradukaĵoj el finna, litova, bulgara, japana aŭ ĉeĥa lingvoj.

Estis ĉiam specialaĵo de niaj universalaj kongresoj prezenti, ne nur impresan ekzemplon de internacia kunveno kun lingva unueco kaj egaleco, sed ankaŭ scivoleman pilgrimadon en la folkloron de tiu aŭ alia nacio, konservinta sian ĉarman tradicion kaj koloron en propraj kutimoj, en popolarto, en popolkantoj kaj vilaĝaj kostumoj.

Kiu ĉeestis plurajn esperanto-kongresojn, tiu povis konstati ĉiam la du regantajn entuziasmojn de la partoprenantoj, unuflanke la ĝojon senti sin egalaj en kompreno kaj en uzo de unu sola helplingvo, donanta al la kunveno la econ de familia renkonto for de ĉiu lingva baro, ĝeno, supereco aŭ malsupereco, kaj aliflanke la plezuron ekkoni pli proksime unu novan membron de la homa familio, unu plian popolon por ŝati kaj admiri, eĉ por ami en ĝia malkovrita intimeco kaj amika gastigado.

Tiu rimarkinda gusto pri naciaj kutimoj de ceteraj nacioj, tiu scivolemo pri ilia vivo kaj popolarto ĉiam estis disvastigata per Esperanto samtempe kun la kompreno pri homara unueco kaj solidareco, tiu beninda sento, kiu nature kunflugas sur flugiloj de internacia lingvo.

Sed tiu sento pri unueco ĉiam sin ligis kun la ŝato al diverseco. Neniam ĝi similis al unuigo detrua kaj frostiga, kiu fortranĉus per maŝina falĉilo ĉiujn florojn de la kampo por atingi severe tonditan kaj unuforme razitan ebenaĵon.

Ĉar la internacia lingvo ĉiam fidele kreskis en sia rolo helpa, neniam anstataŭa, ĝi profitis el la trezoroj ĉie malfermitaj al ĝi, kiel profitas abeloj el la diversaj floroj por sia bonodora mielo. Esperanto ne malriĉigis siajn lernintojn, sed riĉigis ilin per amika ŝlosilo por malfermi multajn korojn kaj kompreni la valoron de ĉiuj, eĉ plej malgrandaj, naciaj kulturoj, baraktantaj por la vivo.

En nia tempo, la nacioj emas aserti sian rajton kaj fieri pri la propra personeco kaj tradicio. Tio estas natura fenomeno post epoko de subigoj aŭ malegalaĵoj. Nura danĝero estas, ke ĉiu nur aŭdu sin mem kaj ne komprenu, ke sama fiero kaj sama vivovolo estas egale naturaj ĉe la najbaro.

Aldoni la komprenan modon al la aserta modo, jen la speciala rolo kaj tradicio de la helpa lingvo, kreskinta sur la bazo semita antaŭ duoncentjaro de klarvida geniulo.

Kompreni la senton de la ceteraj, tio estas komenco de amikeco. Kiu spertis tion en egaleco lingva kaj facileco komunika, tiu ekhavos por sia popolo pli altan ambicion ol nura fiereco pri si mem, li volos ke ĝi fariĝu io pli solida ol nacio timata, li volos, ke ĝi estu amata membro de la homara familio. Tion oni atingas ne per vanteco aŭ fanfarono, sed per servigo de siaj propraj ecoj kaj valoroj al la bono kaj harmonio de la tuta familio.

Unueco en diverseco kaj diverseco en unueco, tio estas la spirito disvastigata de modesta lingvo kun modesta rolo, sed kun jam profunda sperto. Vivante sub ĝia stelo dum unu semajno, vi similas al homoj starantaj sur monto ĝuste sub blua spaceto de l'ĉielo aliloke kovrata per minacaj nuboj.

Foje la montaranoj supreniras eĉ pli alten kaj la maro de nuboj fermiĝas sub ili. Rigardante malantaŭen kaj malsupren, ili vidas sub si la grizan oceanon kaj ridas je ĝia minaco.

Morgaŭ vi ĉiuj reiros hejmen, kiel la montarano reiras malsupren en la valon kaj retroviĝas sub la griza ĉielo kun minacantaj nuboj. Tiam ne forgesu la spertojn de tiu ĉi semajno. Memoru ke super tondraj nuboj estas ebleco de blua ĉielo.

Fine la homoj faras mem grandparte sian sorton kaj blovigas mem la ventojn, kiuj kovras aŭ purigas ilian ĉielon. Se vi spertis, ke la disvastigo de Esperanto kiel helpa lingvo blovigas freŝan kaj utilan venton de bonvolo kaj kompreno, tiam ebligu aliajn homojn partopreni la saman ĝojon kaj kune prepari la novan estontecon. Ne lasu vin subpremi de pezaj atmosferoj. Post mallumo venas lumo, post ventego venas hela ĉielo. Post ĵaluzo venos klarigo. Post suspekto kunlaboro.

Vi plendas ke iaj sciencistoj laboras por pretigi plej modernajn ilojn de mortigo kaj detruo, sed vi mem ja posedas admirindan ilon de kompreno kaj konstruo. Konkurencu do la malbonon per la bono kaj tenu la vivigan ilon eĉ pli preta ol la mortigaj. Vivu Esperanto, kreanto de unueco kaj savanto de diverseco !

---

**Pro la gravaj ŝanĝoj interne de UEA, rezultintaj el la Universala Kongreso en Stokholmo, ĉi tiu eldono povas eliri nur kun prokrasto kiel duobla numero.**

# Resumo el la protokolo de la kunsidoj de la Komitato de UEA

1-*a Kunveno: Sabato 4 Aŭgusto 1934, 15 h.* Prezidis: S-ro Stettler. Protokolis: S-ro Jakob. Ĉeestis: S-roj Baas, Bastien, F-ino Benink, S-roj Bujwid, Couteaux, Goldsmith, Jansson, Isbrücker, Karsch, Mangada, Bugge-Paulsen, Pehrsson (anstataŭanto), Petit, Steiner, Stettler, Walther; entute 16 komitatanoj, plie Hans Jakob, Rob. Kreuz, direktoroj de UEA. Estis fiksita la programo de l'malferma kunsido de la kongreso (programpunktoj, parolvico, parolanto, ktp), preparita de la konstanta ĝenerala sekretario de la kongresoj, s-ro Rob. Kreuz kunlabore kun la LKK; ĉi tiu estas reprezentita en la kunsido de s-roj rektoro Jansson kaj Malmgren. La francaj komitatanoj plendis pri ne-sufiĉe frua ricevo de la raporto de s-ro direktoro Jakob, dissendita nur kelkajn tagojn antaŭ la Kongreso. La prezidanto respondis al tio, ke laŭstatute la direktoroj raportas nur per presita raporto al la kongreso. Ĝi estis dissendita la 22 julio el la presejo. La maŝinskribita, persona raporto de s-ro Jakob estas nedeviga laboro, farita nur por faciligi informiĝon pri aro da detaloj ne publikigeblaj. La kunveno tamen opiniis, ke pli ofta, sed mallonga raportado al la komitatanoj estas dezirinda kaj decidis pri konforma aranĝo. Post tio estis fiksita la programo de la publika kunsido de UEA kaj sekvis elekto de 7 honoraj membroj (vidu Oficialan Informilon sur pĝ. 15). Horarŝanĝo estis decidita rilate la proksimajn kunvenojn por disponi pri sufiĉa tempo.

Fino: 16,30 h.

2-*a Kunveno: Lundo, 6 Aŭgusto 1934, 9 h.* Prezidis: S-ro Stettler. Protokolis: S-ro Jakob. Ĉeestis 16 komitatanoj, plie Hans Jakob, Rob. Kreuz, direktoroj de UEA. Antaŭiris la traktadon diskuto pri la komitataneco de s-ro Isbrücker. La Nederlanda Societo Esperantista, «LEEN», elektis s-rojn Isbrücker kaj Baas. Intertempe s-ro Isbrücker eksiĝis el «LEEN»; same faris la Haga grupo, al kiu li apartenas. «LEEN» do ne plu rekonas la komitatanecon de s-ro Isbrücker. S-ro Stettler atentigis, ke laŭstatute komitatano de UEA restas tia por 3 jaroj, egale kia estas aŭ estos lia situacio al la landa asocio lin proponinta aŭ elektinta. Konstanta ŝanĝo dependa de enlandaj malinterkonsentoj povos tre malhelpi regulan agadon. La kunsido akceptis la sekvantan solvon: S-ro Isbrücker, nomita de «LEEN», akceptas esti alelektata Komitatano. S-ro Baas kaj F-ino Benink estas do komitatanoj, nomitaj de la nederlanda asocio.

La ĉefa afero koncernis la elekton de la nova Komitato de UEA. S-ro Stettler skizis la juran bazon de la «Plano de Ĝenevo», el kiu rezultis la «Interkonsento de Kolonjo». D-ro Couteaux plendis, ke oni ŝanĝis la sencon de la «Interkonsento de Kolonjo», kaj protestis plie pri la prokrasto en la plenumo (statuto, elektoj ktp.). Partoprenis klarige kaj informige tiun ĉi diskutadon Sinjoroj Stettler, Jakob, Petit, Karsch, Baas, Mangada, Goldsmith kaj Steiner. El ĝi rezultis, ke la alelekto al la Komitato de UEA farita skribe, per cirkulero de la prezidanto dum Junio, estas rediskutita punkton post punkto, laŭ propono de la prezidanto. S-ro Walther, gvidanto de GEA, donis kelkajn klarigojn pri la situacio en Germanujo. Sekvis rimarkoj de s-roj Karsch, Baas, Goldsmith, Steiner, Petit kaj Kreuz. Ankaŭ estis tuŝata la demando pri neŭtraleco de UEA. Oni interkonsentis akcepti GEA-n kun rezervo pri definitiva ekzameno de UEA. Oni poste parolis pri la akcepto de la Itala Federacio, vivante en specialaj cirkonstancoj. S-ro Jakob raportis pri la petskribo farita de UEA al la itala registaro. D-ro Orengo energie protestis, ke UEA, malhelpante la Federacion, agis memstare, sen ia konsento pri tio kun la nacia organizo. La Centra Oficejo krom tio tute ne plenumis apartan kontrakton faritan kun ĝi. La Federacio antaŭvidas aliĝi en 1934 al la internacia organizo. S-ro Stettler proponis, ke pro la Kongreso de Romo en la venonta jaro, oni akceptu la Italan Federacion jam nun. La kunsido aplaŭdis la proponon. La Federacio estis akceptita; D-ro Orengo indikita kiel ĝia komitatano en UEA. La Komitato de UEA do konsistas el

22 komitatanoj orde elektitaj de landaj asocioj;
3 komitatanoj Brazilo (1) Germanujo (2);
2 komitatanoj Polujo kaj Malgrandaj Ŝtatoj;

27 komitatanoj entute. El ili ĉeestas 17 personoj, kiuj laŭstatute alelektas komitatanojn ĝis triono de la tuta nombro. Necesa plimulto: 9. Estas proponitaj: S-roj Blaise, Cseh, D-ro Canuto, Isbrücker, Karsch, Malmgren, Merchant, D-ro Privat, Rollet de l'Isle, Steiner, D-ro Vogt, entute 11. La voĉdono montris la jenan rezulton:

D-ro Privat 4 voĉoj, Karsch 4, Cseh 6, Rollet de l'Isle 9, D-ro Vogt 10, Blaise 10, D-ro Canuto 11, Malmgren 12, Merchant 12, Isbrücker 13, Steiner 13.

Elektitaj do estis: S-roj Blaise, D-ro Canuto, Isbrücker, Malmgren, Merchant, Rollet de l'Isle, Steiner, D-ro Vogt; entute 8 personoj. Pro nesufiĉaj voĉoj estis ne-elektitaj: S-roj Cseh, Karsch, D-ro Privat. La voĉdonon kalkulis direktoro Jakob; kontrolis ĝin direktoro Kreuz.

Aŭdinte la rezulton, S-ro Stettler, prezidanto de UEA, tre energie esprimis sian malkontentecon, deklarante konsideri ĝin manko de rekono pri la farita laboro al la tri personoj, de li mem proponitaj. Li atentigis speciale pri la meritplena, ampleksa agado de S-ro Karsch, ĝis nun vicprezidanto de UEA. Sentante sin solidara kun la ne-reelektitoj, post deklaro de s-ro Karsch, li demetis la funkcion de prezidanto de UEA kaj ambaŭ forlasis la kunsidejon. Samtempe leviĝis proteste S-ro direktoro Jakob, anoncante, ke solidare kun la ĝisnuna prezidanto li demetas sian postenon kiel direktoro. Ankaŭ li forlasis la ĉambron; same Prof. D-ro Bujwid, Krakovo. Regis momenta konsterniĝo pro la spontanea manifestacio. Pluraj komitatanoj insistis pri tuja ordigo por eviti katastrofan impreson al la kongresa publiko. Aparte kritikita estis la sintenado de direktoro Jakob, kiu, kiel oficisto pagita, ne estas libera agi laŭvole. S-ro direktoro Kreuz estas komisiita funkcii kiel protokolisto. La francaj kaj italaj komitatanoj proponis daŭrigi la tagordon pri la plej urĝaj aferoj solvotaj. S-ro Isbrücker sciigis, ke li fakte emus sekvi la ekzemplon de la protestintoj, sed juĝis utila resti en la kunsido por ke estu interligulo por eventuala traktado de riparo. Laŭ lia sugesto deklaris sin pretaj por traktado kun la foririntoj S-roj Isbrücker, Goldsmith, Steiner. Sekvis esploro pri peradeblecoj, post kiu la nomitaj sinjoroj interparolis kun S-roj Stettler kaj Karsch. La kunsido estis interrompite tuj poste.

Fino: 13,15 h.

3-*a Kunveno: Mardo 7 Aŭgusto 1934, 9.40 h.* Prezidis: S-ro Bastien. Protokolis: S-ro Rob. Kreuz. Ĉeestis 9 komitatanoj. La kunsidantoj proponis al S-ro Generalo Bastien, kiel plej aĝa ĉeestanto, transpreni la prezidon. S-ro Isbrücker raportis pri la negativa rezulto de la klopodo revenigi S-ron Stettler, kiu insistas pri sia vidpunkto. La kunsidantoj estis

unuanimaj pri tio, ke malbona impreso devas esti evitata ĉiel. S-ro Stettler rifuzis silenti pri la okazintaĵoj en la venonta laborkunsido de UEA. Ĝenerala bedaŭro estis esprimite pro tio, ĉar ĉiuj esperis ankoraŭ trovi konkordan solvon. Estas fine decidite, ke s-ro Generalo Bastien respondu al la eventuala publika deklaro de S-ro Stettler.

Fino : 10,05 h.

4-*a Kunveno, Mardo 7 Aŭgusto 1934, 16,10 h.* Prezidis : S-ro Prof. Bujwid. Protokolis : S-ro Rob. Kreuz. Ĉeestis 13 komitatanoj kaj direktoro Jakob. S-ro Generalo Bastien konigis proponon aranĝi duan publikan kunvenon de UEA por doni ĉiujn necesajn klarigojn. Estas decidite ĝin fari merkredon matene, anstataŭ la kunveno de la Konsilantaro. Plue estas decidite ordoni al S-ro Jakob reveni al la kunsido. S-ro Kreuz estas komisiita informi lin pri la decido de l'kunsido. Intertempe estis priparolitaj la invitoj al Universalaj Kongresoj. S-ro Mangada-Rosenörn plendegis pro la konstanta prokrasto de organizo de kongreso en Hispanujo, kie kondiĉoj, laŭ surloka konstato de direktoro Kreuz, estas favoraj. Prof. Bujwid transdonis inviton de la urbo Varsovio por 1937. Estas sugestite aranĝi konferencon en Madrido kaj oni konfirmis la antaŭajn decidojn pri organizo de Universala Kongreso en Romo por 1935 kaj Aŭstrio por 1936. Por ĉi tiu lando la registaro mem skribe invitis. Post klarigo de S-ro Isbrücker, ke la rezigno de S-ro Stettler estas definitiva, la kunsido decidis daŭrigi la elektojn. Estis unuanime decidite elekti 7 personan estraron. La elekto de prezidanto donis jenan rezulton : S-ro Merchant 11, S-ro Bastien 1, blankaj 2. Elektita do estis S-ro Merchant. Poste oni elektis 2 vicprezidantojn (necesa plimulto 7), nome Generalon Bastien (11 voĉoj), D-ron Vogt (8 voĉoj). Kiel vicprezidanto en la Estraro estis elektita Generalo Bastien, kiel tia en la Komitato, D-ro Vogt. Tuj sekvante oni elektis kiel membrojn de la estraro S-rojn Malmgren (12 voĉoj), Steiner (11 voĉoj), D-ron Orengo (11 voĉoj), D-ron Vogt (12 voĉoj).

Fino : 18,20 h.

5-*a Kunveno, Merkredo 8 Aŭgusto 1934, 10,15 h.* Prezidis : S-ro Generalo Bastien. Protokolis : S-ro Rob. Kreuz. Ĉeestis 12 komitatanoj, direktoroj Jakob kaj Kreuz. Ĉe la malfermo S-ro Goldsmith sciigis telegramon, laŭ kiu S-ro Merchant pro pure personaj kaŭzoj ne povos akcepti la prezidantecon. Post diskuto en foresto de S-roj Bastien, Isbrücker, Jakob kaj Kreuz estis unuanime starigita la kandidateco de S-ro Generalo Bastien kiel prezidanto, de S-ro Isbrücker kiel vicprezidanto en la estraro, de Prof. D-ro Kamaryt kiel estrarano. Rezulto de voĉdono : Bastien 11 voĉoj, Isbrücker 10 voĉoj, Kamaryt 10 voĉoj, blankaj 5. En la 2a parto de la kunsido estis detale diskutita la nova budĝeto kaj reduktitaj ĉiuj pozicioj, kiuj ebligis tion. Malgraŭ tio ne estis eble pretigi sendeficitan budĝeton. La plua diskuto estis remetita.

Fino : 12,55 h.

6-*a Kunveno. Vendredo 10 Aŭgusto 1934, 9 h.* Prezidis : S-ro Bastien. Protokolis : S-ro Rob. Kreuz. Ĉeestis 11 komitatanoj. Ĉi tiu kunsido okupiĝis pri starigo de la definitiva listo de komitatanoj laŭ la faritaj elekto respektive alelekto. Ĉar posteno estis lasita libera por alelekto, S-ro Cseh estas alelektita kiel komitatano, kun 9 voĉoj (2 blankaj). Estis decidite, ke la kompleta listo de komitatanoj estu laŭtlegata en la ferma kunsido, kun klarigoj pri la socia pozicio de la komitatanoj. (Komparu paĝon 2 de la nuna numero.)

7-*a Kunveno. Vendredo 10 Aŭgusto 1934, 15,20 h.* Prezidis : S-ro Bastien. Protokolis : 1) S-ro P. Petit ; 2) S-ro Rob. Kreuz. Ĉeestis 11 komitatanoj. En foresto de la koncernitoj la kunsido parolis pri la agado de la ĝisnunaj direktoroj kaj pri la eksiĝo de S-ro Hans Jakob, laŭ donita, ripetita deklaro al la komitato kaj al la publika kunsido de UEA. La komitato decidis akcepti la eksiĝon de S-ro Hans Jakob kaj konigis al li la kondiĉojn. Cetere estis decidite, doni klaran priskribon koncerne la situacion de la asocio al la ferma kunsido. Oni fiksis la parolvicon de la raportantoj kaj la punktojn pri kiuj ili donas detalojn.

Fino : 17 h.

8-*a Kunveno. Sabato 11 Aŭgusto 1934, 9 h.* Prezidis : S-ro Bastien. Protokolis : S-ro Rob. Kreuz. Ĉeestis 9 komitatanoj 2 senkulpigitaj. Generalo Bastien malfermante la kunsidon sciigis al direktoro Kreuz ke la komitato lin elektis laŭstatute kiel de nun la solan direktoron en la Centra Oficejo. En posta diskuto estis fiksita la decido ne plu havi pagitan redaktoron. D-ro Privat estu informata pri tio de la prezidanto. S-ro Kreuz estas komisiita kiel redaktoro de la organo « Esperanto ». Pluraj komitatanoj atentigis pri la urĝeco de la ordigo de l'financoj. La prezidanto kaj D-ro Orengo rekomendis unue sin okupi pri la oficejo kaj la interna organizo. Estas sugestite dispartigi la laboron laŭ fakoj, kiuj interesas la komitatanojn. Direktoro Kreuz malkonsilis la dispartigon kaj la teorian ekzamenon, sed proponis ke la estraranoj kiuj jam deklaris sin pretaj veni al Ĝenevo por orientado, formu enketan komisionon kaj post priparolo kun li (kaj laŭbezono kun S-ro Jakob) decidu laŭ praktikaj vidpunktoj. La propono estis akceptita kaj S-ro Kreuz petita, tuj fari la necesajn preparojn. Rilate la financojn rigoraj reguloj estis sugestitaj de direktoro Kreuz. D-ro Orengo atentigis pri la nepra neceseco krei komercajn enspezojn por UEA. Diversaj proponoj pri tio estis diskutitaj.

La prezidanto fermis la lastan kunsidon kun danko al ĉiuj pri la kunlaboro je la 10 h. La komitatanoj poste kune iris al la ferma kunsido.

---

## ŜANĜO EN LA REDAKCIO

La legantoj ne plu vidas sur la unua paĝo de tiu ĉi numero la nomon de S-ro Edmond Privat kiel redaktoro de la gazeto ESPERANTO. Pro la nuna reorganizo ĝi de nun estos prizorgata de la Centra Oficejo sub respondeco de la Direktoro de UEA.

En la momento, kiam D-ro Privat ĉesis esti gvidanto de nia organo, ni plenumas devon, ŝuldante al li sinceran dankon pro lia 15-jara kunlaborado kaj pro ĉio, kion li juĝis farinda por progresigi nian gazeton. Ni memoras, ke ankoraŭ dum la Stokholma Kongreso li per radio alportis saluton kaj kuraĝigon al la Esperantistaro, kaj ni elkore deziras, ke li ankaŭ estonte konservu siajn grandegan sindonemon, fervoron kaj talenton por nia komuna celado.

L. BASTIEN,
Prezidanto de UEA

# Universala Esperanto-Asocio



Centra Oficejo :
1, Tour de l'Ile, Genève

## Oficiala Informilo

26-a Administra jaro 1934 :
N-ro 8 — Aŭgusto 1934

### Subtenantoj — Oka Listo

276. S-ro Ismael Gomes Braga, Rio de Janeiro, Brazilo.
277. S-ro Hermani Motta Mendes, Rio de Janeiro, Brazilo.
278. F-ino I. Baggi de Araujo, Rio de Janeiro, Brazilo.
279. S-ro Francisco Falcao, Rio de Janeiro, Brazilo.
280. S-ro Nelson Dantas, Rio de Janeiro, Brazilo.
281. S-ro José Gomes Braga, Ubâ, Brazilo.
282. D-ro Metódio Maranhao, Recife, Brazilo.
283. F-ino J. Damon-Pichat, Genève, Svislando.
284. S-ro Josef Szyman, Postawy, Polujo.
285. S-ro Jakob Ŝapiro, Bialystok, Polujo.
286. S-ro Wolf Zickler, Berlin, Germanujo.
287. S-ro J. de Maeyer, Nijvel, Belgujo.
288. D-ro Franz Christanell, Salzburg, Aŭstrio.
289. S-ro E.G. Bernfeld, Wien, Aŭstrio.
290. D-ro Leo Scheuer, Sigmundsherberg, Aŭstrio.
291. S-ro Josef Pich, Kaltenleutgeben, Aŭstrio.
292. F-ino Louise Ziwutschka, Wien, Aŭstrio.
293. S-ino Yvonne Privat, Locarno, Svislando.
294. D-ro Edmond Privat, Locarno, Svislando.
295. S-ro Ikegawa-Kiyosi, Osaka, Japanujo.
296. S-ro Itoo-Koiti, Osaka, Japanujo.
297. S-ro Tookiĉi Takeuĉi, Jamaŝiro, Japanujo.
298. S-ro Sugawara-Keiiti, Sendai, Japanujo.
299. S-ro Sumiya-Sinzoo, Osaka, Japanujo.
300. F-ino Ajako Takahaŝi, Osaka, Japanujo.

1 Aŭgusto 1934. Hans Jakob, Direktoro de UEA.

*Komitato kaj Estraro de UEA.* — Ni atentigas la membrojn pri la konsisto de la nova komitato de nia asocio, montrita sur paĝo 2 de ĉi tiu numero.

*Ŝanĝoj en la Centra Oficejo.* — S-ro Hans Jakob, ĝisnuna direktoro de la internaj aferoj de UEA. demetis en Stokholmo sian funkcion. La komitato akceptis lian eksiĝon, donante al li samtempe forpermeson ĝis la jarfino. Ĝi poste elektis unuanime la ĝisnunan direktoron de la eksteraj aferoj, S.ron Robert Kreuz, kiel solan direktoron en la Centra Oficejo.

*Honoraj Membroj* — La laborkunsido de UEA en Stokholmo akceptis la proponon de la Komitato de UEA elekti la jenajn personojn kiel Honorajn Membrojn :

F-ino Margarete Noll, Kőbenhavn, Danlando
S-ro Honoratus Bonnevie, Oslo, Norvegujo
S-ro Paul Nylen, Huddinge, Svedujo.
S-ro M. Rollet de l'Isle, Prezidanto de la Esp. Akademio, Paris.
S-ro Michele Arabeno, Delegito en Genova, Italujo.
S-ro Stefano Kunerth, Delegito en Merano, Italujo.

*Delegit-servo.* — Pri la servado de la Delegitoj, la membroj ofte ne atentas plej simplajn regulojn. Ni represas tie ĉi publikan leteron de la ĉefdelegitoj de UEA, S-ro Balkanyi en Budapest, adresitan al F-ino Marie Havránkova, el Prostejov (Ĉeĥoslovakio) : « Kara samideanino ! Vi skribis al mi karton — al mia malnova adreso —, ke vi alvenos en Budapesto verŝajne 15.25 dimanĉe. La karton mi ricevis lunde, eble pro malbona adreso. Sed se mi estus ricevinte ĝin sabate, mi jam ne estus povinta zorgi pri akcepto : 1. pro manko de tempo ; 2. pro ne-indiko de stacidomo kaj de kie alvenos la vagonaro. En grandaj urboj, sen tio estas neeble aranĝi akcepton. Mi publikigas tion, ĉar multaj vojaĝantoj ne pensas pri tio kaj sendas la alvensciigon en lasta minuto aŭ sen mencio de l' alvenstacio. Do, pardonu mian neatendon. Paŭlo Balkanyi, Budapest 507. »

*Avizo. Pro malsano de s-ro direktoro Hans Jakob prokrastiĝis aro da korespondaĵoj, alvenintaj ĝis la stokholma kongreso. Post lia eksiĝo la Centra Oficejo klopodos ordigi ĉion laŭ plej bona povo kaj kiel eble plej rapide.*



### U.E.A. EN ITALUJO

En akordo kun Itala Esperanto-Federacio, daŭras la preparaj laboroj por la regula rajtigo al membroj de I.E.F. iĝi samtempe membroj de U.E.A. laŭ la Interkonsento de Kolonjo. En taŭga tempo precizaj informoj estos komunikataj.

Itala Esperanto-Federacio principe aliĝis al U.E.A. jam en Kolonjo kiel Membro-Societo, kaj konkrete kunlaboris kun U.E.A. en la kadro de la nova organiza unueca. U.E.A. konsideras kiel sian solan Reprezentanton en Italujo la Italan Esperanto-Federacion; ĝi formale invitas ĉiujn amikojn de U.E.A. en Italujo kontakti estonte, kiel dum la pasintaj lastaj jaroj, rekte kun Itala Esperanto-Centro en Milano, administra oficejo de I.E.F.

La aligon de italaj Membroj al U.E.A. kaj la rilatojn de la Membroj kun la Centra Oficejo en Ĝenevo prizorgos ĝustatempe Itala Esperanto-Centro, kiu kontaktas regule kaj plej harmonie kun la internacia Centro en Ĝenevo. La italaj Delegitoj estas kore petataj daŭrigi siajn laborojn sub la direktado de la Itala Esperanto-Centro. Laŭ la Kolonja Interkonsento estos Membroj de U.E.A. nur tiuj samideanoj, kiuj regule aliĝis al la I.E.F.

*Subtenantoj, abonantoj, aktivaj membroj* bonvolu pagi kune kun sia jarkotizo al Itala Esperanto-Federacio la kromkotizojn por U.E.A. de 90.-, 30.-, 12.- it. liroj, por ricevi la Jarlibron, la gazeton « Esperanto » kaj la Premiojn. *Ĉiuj malnovaj kaj novaj amikoj de U.E.A. ne forgesu, ke ilia tuja aliĝo kiel abonantaj aŭ subtenantaj membroj savos U.E.A.'n de la plej grava danĝera situacio de ĝi spertita de post ĝia ekzisto.*

*Oficiala adreso.* — Por eviti komplikaĵojn kaj malfruon en la pritrakto, ni petas nenion adresi al personoj de la Centra Oficejo, sed direkti ĉiujn korespondaĵojn senescepte al

*Universala Esperanto-Asocio*, 1 *Tour de l'Ile, Genève*

La apartigo en skribaĵoj de pure administraj detaloj de aferoj de propagando faciligos kaj rapidigos respondon.

31 aŭgusto 1934. Robert Kreuz, *Direktoro.*

L'IMPRIMEUR-GÉRANT : GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE. - 612-10-34.